# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

19. Jahrgang Nr. 117 (1/1983) ISSN 001 4-0619 30 Pf


## Karl Marx kaj la batalo por paco kaj sociala progreso

En la epoko de la mondvasta transiro al la socialismo la evoluaj procesoj kaj bataloj en la mondo estas nedisigeblaj de la kreskanta mondpolitika influo de la reala socialismo. Samtempe la karaktero, politiko kaj krizemo de la imperiismo ĉiam ankoraŭ efikas je la okazaĵoj en la mondo. La plifortiĝo de la socialismo ebligis efektivigi la pacan sopiron de la homaro. Nuntempe okazas en la mondo akra disputo inter du tendencoj en la internacia politiko: unuflanke la kurso al brido de vetarmado, al plifortigo de la paco kaj malstreĉiĝo kaj ankaŭ al defendado de suverenaj rajtoj kaj la libereco de la popoloj, aliflanke la kurso al subfosado de malstreĉiĝo, al akcelo de vetarmado, al politiko de minaçado kaj enmiksado en aferojn de socialismaj landoj, al subpremado de la liberecbatalo.

Inter la sociala progreso kaj la batalo por defendo de paco ekzistas intima rilato. Karl Marx pruvis, ke la milito havas siajn radikojn en la sistemo de ekspluatado. En la epoko de la kapitalismo militoj estas kaŭzataj ĉefe pro la profitĉasado de la burĝaro. Krome ĝi praktikas, kiel skribis Karl Marx, „sian ludon kun la naciaj antaŭjuĝoj“ kaj foruzas „en pirataj militoj la sangon kaj havaĵon de la popolo“[1]). La paco estas karakteriza por la socialismo. Ĉar en la socialisma socio ne ekzistas klasoj kaj tavoloj, kiuj gajnas el la militpreparado, akiras armadprofitojn aŭ havas intereson pri ekspansio eksteren. Karl Marx konstatis jam antaŭ pli ol cent jaroj, „... ke, kontraste al la malnova socio kun sia ekonomia mizero kaj sia politika frenezeco, estiĝas nova socio, kies internacia principo estos la paco, ĉar ĉe ĉiu nacio regas la sama principo — la laboro!“[2]) En la naskiĝhoro de la reala socialismo en la jaro 1917 la lenina pacalvoko al ĉiuj popoloj kaj registaroj esprimis unue la firman volon de la nova socio krei pacon, defendi kaj fortigi ĝin. Ekde tiu tago la socialismo batalas seninterrompe por tiu ĉi celo. La reala socialismo estas la plej alta ŝtupo de la sociala progreso kaj samtempe la ĉefa forto de la paco. Per sia firma kaj iniciativriĉa kurso al sekurigo de la mondpaco kaj al malebligo de nuklea milito la socialismaj ŝtatoj preparis

la turniĝon de la malvarma milito al la internacia malstreĉiĝo. La milit-strategia ekvilibro, atingita kaj sekurigita dum la lastaj du jardekoj, havas esencan signifon por la konservado de la paco. La celkonscia daŭrigo kaj pluevoluado de la pacprogramo de la Sovetunio por la 80aj jaroj entenas paŝojn al malstreĉiĝo kaj malarmado, kiuj koncernas kaj raketajn nukleajn armilojn kaj tradiciajn armilspecojn. Bazita sur siaj potencoj kaj avantaĝoj, per aktiva kaj prosperiga, ofensiva kaj prudenta ekstera politiko, la reala socialismo garantias, ke la pozitiva tendenco en la evoluado de la mondo, la antaŭenirado de la fortoj de paco kaj sociala progreso restu la decidiga linio kaj firmigu sin.

En la sepdekaj jaroj denove veriĝis tio, kion Marx kaj Engels konstatis jam en la Komunista Manifesto, ke la burĝaro ne trovas veran eliron el la ekonomiaj krizaj situacioj, ĉar ĝi majstras ilin per tio, „ke ĝi preparas pli multflankajn kaj pli grandegajn krizojn kaj malpliigas la rimedojn eviti krizojn"[3]). La kreskanta labileco de la kapitalisma ekonomia sistemo havas siajn kaŭzojn en la akrigo de la baza kontraŭdiro de la kapitalismo inter la socia karaktero de la produktado kaj la privat-kapitalisma alproprigo. La specifa interplektado de ĝenerala kaj cikla krizoj enkondukas novan etapon de la ĝenerala krizo de la kapitalismo. Longdaŭraj krizaj procesoj sur la kampo de krudmaterialoj kaj energio, en valutaj rilatoj, en la ŝtataj financoj, en gravaj industriaj branĉoj de la imperiismaj landoj kaj la jam longe daŭranta inflacio formas la bazon de profundaj skuoj. Ili ne limigas sin nur al la ekonomio, sed eniras ĉiujn sferojn de la politika, sociala kaj spirite-kultura vivo. Plifortiĝas la ciklaj ŝanceloj en la kapitalisma ekonomio. La mondekonomia krizo de 1974/75 kaj la eksplodita denove en 1980 cikla krizo, kiu daŭras ĝis hodiaŭ, subigis la kapitalisman mondekonomion al la plej profundaj kaj plej longdaŭraj skuoj de post la fino de la dua mondmilito. Sekvo de interplektado de ĝenerala krizo kaj cikla krizo estas la grava malrapidiĝo de la ekonomia kreskorapideco en la kapitalismaj ŝtatoj. Kreskis la sociala malcerteco, kiu montriĝas antaŭ ĉio en la ega kreskado de amasa senlaboreco kaj en rigora sociala malprospero. La provo de la monopola burĝaro ŝovi la ŝarĝojn de la krizoj kaj la kostojn de la superarmado pli kaj pli sur la ŝultrojn de la laboruloj renkontas kreskantan rezistadon de vastaj tavoloj de la loĝantaro.

---

1) Karl Marx: Inauguraladresse der Internationalen Arbeiter-Assoziation. En: Marx-Engels-Werke, vol. 16, p. 13

2) Karl Marx: Erste Adresse des Generalrats über den Deutsch-Französischen Krieg. En: Marx-Engels-Werke, vol. 17, p. 7

3) Karl Marx/Friedrich Engels: Manifest der Kommunistischen Partei. En: Marx-Engels-Werke, vol. 4, p. 468

(El „Tezoj de CK de Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio okaze de la Karl-Marx-Jaro 1983. Trad. Dieter kaj Renate Berndt)




## 12 rimarkoj pri la hungara movado

Ĉijare la du plej gravaj Esperanto-kongresoj, la Universala kaj la Junulara, okazos en la socialisma Hungario. Tio estas kaŭzo pli ol sufiĉa, por kuraĝi skizan karakterizon de la hungara movado. Ja tiu movado havas tre interesan kaj verŝajne eĉ unikan profilon, kiu laŭ mia subjektiva vidpunkto distingiĝas per originaleco kaj multflankeco.

Verŝajne unu el la kaŭzoj por tiu alta evolustato de la Esperanto-movado estas la lingva izoliteco de la hungara popolo. Neniu alia popolo en Eŭropo tiom sentas la esencon de la lingva problemo kiel la hungaroj, kies lingvo ne nur estas apenaŭ instruata eksterlande sed ankaŭ ne plu havas komunikparencecon al aliaj lingvoj. La parenceco de la hungara ekz. al la finna lingvo ja temen ne helpas al hungaroj kaj finnoj interkompreni. Tio estas do malsama situacio, ekzemple, kompare al poloj kaj slovakoj, rumanoj kaj italoj, bulgaroj kaj ruslingvanoj k. t. p. La hungara socio do havis kaj havas multe pli alte evoluintan senton pri lingvaj malavantaĝoj, lingva diskriminacio kaj sekve pli favore subtenas ĉion, kio povas helpi al transiro de la lingvaj bariloj. Kaj al tio apartenas Esperanto. Sed certe tio ne sufiĉas por klarigi la „hungaran modelon“. Se oni do demandas min, en kio konsistas la ĉefaj trajtoj de la hungara Esperanto-movado, mi donus jenajn dek du karakterizojn, sciante, ke ili estas nek ĉiuj nek elĉerpaj:

1. En Hungario la Esperanto-movado havas relative amasan bazon, kvankam eble ne tiom amasan kiel en Bulgario, sed la lingvo estas reprezentata en preskaŭ ĉiu urbo de la lando. Hungara Esperanto-Asocio havas pli ol 3000 membrojn. Aparte menciindas la fakto, ke la junularo (multaj studentoj) estas sufiĉe aktiva kaj iniciatema.

2. La forteco de la hungara Esperanto-junularo ne estas mirinda, ĉar en Hungario la oficialeco de la instruado de Esperanto en lernejoj verŝajne akiris la plej altan statuson kaj disvastigitecon (eble lastatempe proksime sekvata de Bulgario). Ekde 1980/81 Esperanto povas esti instruata nedevige (sed post aliĝo al la kurso devige) en ĉiuj bazgradaj (6 — 14-jaruloj) kaj gimnaziaj (14 — 18-jaruloj) lernejoj. En 6 altlernejoj ekzistas lektorejoj respektive fakoj por Esperanto, parte kun la celo de kvalifikado al diplomitaj Esperanto-instruistoj.

3. Fortan pozicion en Hungario havas la scienca traktado de la internacilingva problemo (interlingvistiko) kaj aparte de Esperanto (esperantologio). Elstaran rolon ĉi-rilate ludas la fako Esperanto — lingvo kaj literaturo en la kadro de la ĝenerala kaj aplika lingvistiko (filozofia fakultato) de la Universitato Eötvös Loránd, Budapest. La fakon

ekde 1966 gvidas d-ro Istvan Szerdahelyi, kiu ankaŭ verkis multajn bazajn materialojn. Doktoriĝis intertempe 5 liaj disĉiplinoj.

4. Sed ne nur la scienco **pri** sed ankaŭ la scienco **per** Esperanto ludas en Hungario pli kaj pli gravan rolon. Studentaj grupoj kaj profesiaj fakuloj aplikas Esperanton por diversaj sciencaj fakoj. Tio okazas en la kadro de la Esperanto-movado mem (ekz. pli ol 100 medicinistaj vesperoj en Budapest) kaj ekster ĝi. Plej elstara lastrilate verŝajne estas la internacia kolokvo Interkomputo, organizita de la prestiĝa hungara Komputo-societo Johano Neumann (27.—30. 12. 1982 en Budapest), dum kiu estis prezentitaj ĉirkaŭ 100 fakaj prelegoj en Esperanto kaj jam eldonitaj en 6 laŭtemaj volumoj.

5. Hungario estas konata kiel turisma lando. La Esperanto-movado scias tion lerte konsideri kaj organizas ĉiujare ĉirkaŭ 10—12 internaciajn aranĝojn diverstipajn. Plej konataj fariĝis la Somera Esperanto-Universitato (SEU) en Gyula, la Internacia Renkonto Naturamika (IREN) en Abaliget, Somera Esperanto-Lernejo en Eger (SELE) kaj la Vintra Esperantista Ferio (VEF) en Budapest. Sed konatiĝis ankaŭ JER (Junulara Esperanto-Renkonto), PIT (Pionira Internacia Tendaro en Zanka) kaj CIEL (Centra Internacia Esperanto-laborbrigado). Do granda elekto por diversaj aĝoj kaj atendoj. La 68a UK-o cetere ne estos la unua, kiun la hungaroj organizas. Jam 1929 Budapest gastigis kongreson kaj denove 1966. TEJO-Kongreso okazis ankaŭ jam 1966 en Pécs.

6. La hungara kontribuo al la tutmonda Esperanto-movado estas tre forte ligita al la lingvo mem. La plej konata ekzemplo: La poeto, tradukisto kaj gramatikisto (kvankam kuracista profesoro) Kalman Kalocsay donis apenaŭ sufiĉe alte takseblan kontribuon al la evoluigo de la lingvo kaj ĝia literaturo samtempe kunellaborinte ties normojn. Oni povus kaj devus mencii multajn aliajn nomojn. Daŭrigante la literaturajn tradiciojn, HEA denove distingiĝas per vigla eldonado de originalaj kaj tradukitaj beletraĵoj.

Dum lastaj 7 jaroj eldoniĝis pli ol 50 libroj! Kaj la eldonado impete daŭras.

7. Sed ne nur librojn oni eldonas. HEA, kunlabore kun ŝtataj kaj sociaj instancoj, trovas la forton eldoni ne nur unu sed eĉ kelkajn Esperanto-revuojn. Pleje konatas verŝajne la altkvalita kultura revuo „Hungara Vivo", jam pli ol 20-jara, estas digna posteulo de la fama „Literatura Mondo" kiun redaktas la konata literaturisto Vilmos Benzcik. Krome aperas „Juna amiko" (por pioniroj), „Budapeŝta Informilo" (organo de la Asocio), „Hungara Fervojista Mondo". Aparta fenomeno estas 'Világ és nyelv' (Mondo kaj lingvo), dumonata hungarlingva revuo pri la monda lingvo-problemo kaj Esperanto, destinita por la hungarlingva publiko.

8. Kultura agado do estas plua grava trajto de la hungara movado. Ĝi tute ne elĉerpiĝas en literatura kreado kaj publikado. Tra la lando ekzistas kelkaj korusoj, laikaj teatraj trupetoj, pupludistoj kaj eĉ profesiaj artistoj uzantaj Esperanton. Denove elstaran kontribuon la hungaroj donis al la internacia esperantlingva kulturo dum marto 1982, kiam oni dum dek vesperoj povis spekti esperantlingvajn teatraĵojn sur ĉefurbaj scenejoj, luditaj parte de profesiaj aktoroj. La teatra festivalo ripetiĝis dum marto 1983.

9. Necesas iom diri pri la tradicio de la hungara movado. Ĉar la pluvivado de la progresemaj tradicioj kaj ties kreiva aktualigo estas grava esenca trajto. Hungario apartenas al tiuj eŭropaj socialismaj landoj (eble krom Bulgario kaj GDR) kie dum la 20-aj jaroj estis tre forta la laborista Esperanto-movado kun klara komunisma tradicio. 1913 jam fondiĝis Hungara Esperantista Societo Laborista, kiu 1919 estis bone subtenita de la Hungara Konsilantara Respubliko. HESL fariĝis dum la Horthy-faŝismo kvazaŭ kaŝorganizaĵo de la malpermesita komunista partio. 1935 la reĝimo dissolvis la organizaĵon. La tradicioj de HESL, sed ankaŭ tiuj multaj progresemaj de la 1911 fondita Hungarlanda Esperanto-Societo fekunde pluvivas en la nuntempa Hungara Esperanto-Asocio.

10. Sukcesa laborado en tia larĝa kaj kompleksa Esperanto-movada spektro nur eblas, se oni disponas pri kleraj kaj agemaj aktivuloj, pri taŭgaj kadroj. Feliĉe la hungara movado — tra la jardekoj — estas dotita per aro da elstaraj aktivuloj, kiuj plenumas siajn taskojn en plej diversaj sferoj: organiza, instrua, scienca, fakaplika, arta, literatura, ĵurnalisma, movadteoria kaj aliaj. Sed certe, tiaj elstaraj aktivuloj ne falas desur la ĉielo. La movado evidente trovis taŭgajn vojojn, aktivigi kaj kvalifiki ilin. Kaj feliĉe HEA disponas pri relative granda profesia oficejo kun pli ol dekduo da pagitaj oficistoj.

11. Post ĉio skizita plua karakterizo de la hungara movado ne plu mirigas: la kunlaboremo kaj respondeca taskoplenumo sur internacia nivelo.

En Universala Esperanto-Asocia diversebene (de la Estraro kun la ĝenerala sekretario, d-ino Flora Szabo-Felsö ĝis la komitato kaj ties komisionoj) kunaktivas hungaroj. La fondo de la Scienc-Eldona Centro de UEA en Budapest antaŭ du jaroj, kiun direktoras prof. d-ro Otto Haszpra, estas plua indiko pri la internacia pozicio de HEA. Ankaŭ la 9a Ĝenerala Konferenco de MEM esprimis sian konfidon al la hungaro d-ro Imre Pethes reelektinte lin prezidanto.

Kelkaj gravaj iniciatoj naskiĝis en Hungario. Ni nur menciu la proponon de Sandor Gáspár, prezidanto de la Hungaraj Sindikatoj kaj de la Monda Sindikata Ligo kaj vicprezidanto de la hungara registaro, pri utiligo de Esperanto en la sindikata movado. La alta protektanto por la 68a UK-o estas ĝuste Sandor Gáspár. Ankaŭ menciindas la fakto, ke la enpreno de Esperanto en la finan deklaron de la monda turisma konferenco en Manilo (1980) estas grandparte sekvo de hungara iniciato.

12. Kaj la dek dua trajto logike sekvas el ĉio antaŭe dirita. En Hungario Esperanto ĝuas altan socian reputacion. Se ne estus tiel, la antaŭe skizita ne povus funkcii. Aŭ, ĉar tio ĉio ja funkcias, Esperanto ĝuas tiun rekonatecon. Jen la dialektiko. Esperanto-movado en Hungario fariĝis firma kaj integra parto de la kultura pejzaĝo kaj de la fremdlingva instruado. La lingvo ludas rolon en la internaciaj kontaktoj, aperas sufiĉe ofte en la amasmedioj kaj ĝuas simpation en altaj politikaj kaj sciencistaj rondoj.

Ni citu — kvazaŭ konklude — la opinio-esprimon de la plej alta hungara reprezentanto, de János Kádár, Ĝenerala Sekretario de la Hungara Socialisma Laborista Partio:

„La kulturantoj kaj disvastigantoj de la lingvo Esperanto servas noblan aferon, ĉar ili interligas amasojn mult-centmilajn de homoj

diversnaciaj, akcelas la likvidon de la nacia izoliteco, disiganta la popolojn, la interpopolan proksimiĝon, la plifortigon de l'amikeco kaj solidareco. La aŭtoro de la lingvo Esperanto volis servi per sia kreaĵo la pli bonan komprenon inter la popoloj. La adeptoj kaj disĉiploj — se ili vere volas servi la noblan aferon — havas la taskon, ankoraŭ pli decide anonci kaj per agoj akceli la triumfon de la noblaj ideoj de l'paca kunekzisto. Sukceson al iliaj klopodoj!"

Budapest, 31. majo 1961. (Hungarlingva faksimilo kaj Esperanta traduko en: „Hungara Vivo", 3–4/1961, p. 1)

Detlev Blanke

---

**La internacia seminario „Aktualaj problemoj de scienca kaj teknika apliko de Esperanto" okazinta inter la 7-a kaj 12-a de decembro 1982 en Bad Saarow (GDR) akceptis du Konkludarojn (vidu paĝojn 10, 11, 16)**

## KONKLUDARO I.

## Aktualaj taskoj pri la disvastigo kaj evoluigo de Esperanto sur fakaj terenoj

Pro la pligraviĝo de la rolo de la scienco kaj tekniko en la evoluo de la socio, ankaŭ en la Esperanto-movado fariĝis necese, pligrandigi la evoluon de la fakaj aplikado kaj disvastigo de la lingvo. El tio sekvas **taskoj** realigendaj parte ene de la movado, parte en kontaktiĝo kaj kunlaboro kun la ekstermovadaj fakaj medioj, kies plenumon la partoprenantoj de la Seminario rekomendas:

1. Estas necese evoluigi la **terminologion** laŭ Konkludaro II.

2. Estas necese evoluigi la **fakliteraturon**

2.1. Periodaĵoj ĝeneralkarakteraj okupiĝantaj parte pri la fakrilataj problemoj kaj publikigantaj artikolojn pri sciencaj branĉoj kiuj ankoraŭ ne kapablas estigi propran fakrevuon estas plu necesaj.

2.2. Periodaĵoj unufakaj estas ĉiam bonvenaj kiam la koncerna fakularo atingis sufiĉan nombron kaj forton por daŭre vivteni ilin.

2.3. La reprezentantoj de la eldonejoj de la fakaj periodaĵoj devus pritrakti la eblecon por komuna abonigo de siaj periodaĵoj (abono por scienca „revuaro"), tiamaniere pliekonomiigante kaj plicertigante la aperadon. Tiu pritraktado povus okazi dum la sekva, Budapeŝta Universala Kongreso.

2.4. Oni devas laŭeble helpi la aperigon de kiu-ajn-tema scienca aŭ popularscienca libro (traduko aŭ originalaĵo), se la ekonomieco estas iamaniere certigita.

2.5. Pli malpli sistema plano estas necesa por la eldonado de fakaj lernolibroj unuavice pri la bazaj sciencoj (matematiko, fiziko, kemio, biologio) sur nivelo de la kutimaj unua kaj dua studjaroj de natursciencaj kaj teknikaj universitatoj.

3. Estas necese plu daŭrigi la disvolvon de individuaj kaj grupaj personaj fakkontaktoj, en ĉiuj formoj (korespondado, personaj renkontiĝoj, seminarioj, konferencoj k.a.).

3.1. Oni devas daŭrigi kaj al pli kaj pli da landoj disvastigi la jam sukcese realigitajn iniciatojn pri la aranĝado de fakaj kunvenoj dum ĝeneralaj Esperanto-aranĝoj kaj de memstaraj fakkonferencoj (ekz. AEST-oj, IMEK-oj). Sur landa kaj internacia niveloj. Tiuj fakkonferencoj, simpozioj, seminarioj okupiĝu plejparte pri la rezultoj de tiel vasta spektro aŭ grupo de sciencaj branĉoj aŭ fakoj, kiu atingas ke sufiĉa nombro da interesitoj povu partopreni, sed ili dediĉu spacon ankaŭ por la problemoj de la evoluigo de la Esperanta faklingvo kaj de la disvastigo de Esperanto en fakaj rondoj.

3.2. La plej fruktodona metodo por la plifortigo de la faka agado estas la kontaktiĝo kun ne-esperantistaj fakaj organizaĵoj kaj instancoj (landaj kaj internaciaj), ebliganta reciprokajn utiligojn de siaj fortoj por la komunaj kaj certaj apartaj celoj. Surbaze de utila partopreno en la laboro de ne-esperantistaj fakorganizaĵoj la esperantistaj fakuloj povas atingi eĉ, ke la ne-esperantista organizaĵo aranĝu aŭ helpu aranĝi fakan konferencon kun Esperanto kiel laborlingvo. (ekz. Internacia Kibernetika Konferenco '80 kaj '83; SVIEKO '81 kaj '84; INTERKOMPUTO '82; Internacia Konferenco pri la Lingva Problemo de la Sciencoj '82). Oni devas atingi, ke la ne-esperantistaj fakorganizaĵoj reprezentiĝu eĉ per prelegoj en la E-lingvaj fakkonferencoj, krome ke ili donu lokon al Esperanto-rilataj informoj en siaj organoj.

4. Estas necese zorgi pri la supergrada faka instruado en Esperanto. Eble jam dum la sekva UK oni devas pritrakti la fondon de Instituto por Post-Diplomaj Kursoj, kiu utiligus la kunlaboron de



# Profesoro Viktor Falkenhahn - 80 jara

La 11an de februaro 1983 la membro de la Centra Estraro de GDREA, prof. d-ro habil. Viktor Falkenhahn festis sian vivjubileon de 80. naskiĝtago. Okaze de tio la Centra Estraro de GDREA tre kore dankas al la alte ŝatata profesoro, kiu ekde 1970 kunlaboras en la gvida instanco de la Esperanto-movado de GDR. Estis i. a. ankaŭ lia merito, ke relative bone ŝanĝiĝis en sciencaj rondoj la sinteno al Esperanto, al ties sciencaj aspektoj. Ekde 1970 ĝis 1981 li estis la prezidanto de la Fakgrupo Interlingvistiko/Esperantologio ĉe GDREA, faris multajn prelegojn, gvidis seminariojn kaj verkis artikolojn. Pro siaj multaj meritoj por la kulturpolitika agado prof. Falkenhahn estis distingita per la plej alta ordeno de Kulturligo, la Johannes R.-Becher-medalo en oro. Kiel oni scias en la slavistaj sciencaj medioj, prof. Falkenhahn estas unu el la „aktivistoj de la unua horo" kaj kunfundamentis la slavo-filologian instruadon kaj esploradon post la milito en Humboldt-Universitato de Berlin (GDR). El lia plumo originas la unua gramatiko pri la pola lingvo por germanlingvanoj. Pro siaj meritoj pri la evoluigado de la polaj-GDR-aj rilatoj li ricevis la kavaliran krucon de Pollando, la plej altan polan ŝtatan distingon. Ankaŭ en Sovetunio, aparte en Litovio, la profesoro estas tre konata kaj ŝatata. Li ja skribis la unuan sciencan verkon pri la tradukinto de la biblio en la litovan lingvon. Cetere la aĝo ĉe profesoro Falkenhahn ne estas tiom rimarkebla. Plene da vervo kaj vigleco, ĉiam ligita kun profunda helpema humanisma sinteno al siaj kunhomoj, la profesoro senĉese laboras. Antaŭ kelkaj jaroj aperis ampleksa fabelaro litova en la germana traduko. Nuntempe li gvidas la komisionon pri baltistiko ĉe la Nacia Komitato de la Slavistoj de GDR.

Ankoraŭ multajn jarojn da sano kaj kreivo, ankaŭ en la vicoj de GDREA ni deziras.
D. B.



**Danko de profesoro Falkenhahn**

La jubileinto ricevis tiom da bondeziroj kaj gratuloj de esperantistoj el GDR, ke li ne kapablas danki al ĉiuj.

Pro tio profesoro Falkenhahn petis la redakcion presi jenajn dankvortojn: *„Mi tre kore dankas al ĉiuj ege multaj altestimataj samideanoj, kiuj tiel amike al mi gratulis je mia okdeka naskiĝtago. Mi deziras el la tuta animo por nia laboro multe da sukceso kaj 'Esperanto vivu!' por la progreso kaj paco en la tuta homaro!"*

*Prof. Dr. habil. em. Viktor Falkenhahn*

8. 3. 1983

**ATENTU · KONKURSO!** **ATENTU · KONKURSO!**

*En tiu ĉi jaro la redakcio aranĝas TRADUK-KONKURSON. En ĉiu numero de „der esperantist" vi trovos taskon por traduki el la germana en Esperanton. Per tiu ĉi konkurso ni volas atingi kelkajn celojn. Ni volas instigi ĉiujn, kiuj sentas sin kapablaj partopreni en la konkurso, al kunlaboro. La konkurso eble estos ankaŭ bona rimedo helpi pliviligi la kunvenojn en la grupoj. Ni volas krome trovi novajn talentulojn por tradukado; kaj finfine ĉiu mem povas pruvi kaj provi sian talenton. Do, partoprenu multnombre.*

*Kondiĉoj:*

- *Partopreni povas unuopuloj kaj kolektivoj.*
- *Ni distingos la plej bonajn por ĉiu unuopa tasko kaj tiujn por la tuta jaro per libropremioj.*
- *Viajn tradukojn sendu al: Dieter Berndt, 1020 Berlin, Berolinastraße 2.*
- *Limdato por la ensendoj estas ĉiam du monatoj post apero de la unuopaj numeroj.*

*Kaj nun multajn sukcesojn kaj ek al la laboro!*

**TRADUK – KONKURSO** **TASKO 1.**

## Das liebe Dresden

Besungen, beschrieben, beschossen – so liegt Dresden in der Geschichte. Die geographische Lage hat sich seit Heinrich Kleist nicht geändert: „Es liegt, vieltürmig, von der Elbe geteilt, in einem weiten Kessel von Bergen. Der Kessel ist fast zu weit. Unzählige Mengen von Häusern liegen so weit umher wie vom Himmel herabgestreut. Die Stadt selbst sieht so aus, als wenn sie von den Bergen herab zusammengekollert wäre." Das beurteile man vom Fernsehturm aus.

Jedesmal, wenn ich nach Dresden komme, habe ich Angst, die Brühlsche Terrasse könnte umbenannt worden sein. Weil der Brühl ein korrupter Kerl gewesen ist. Ein Minister für Mißwirtschaft, der 100 Millionen Taler Staatsschulden hinterließ, aber auch 198 Stück gestickter Kleider, 30 Hüte, 102 Taschenuhren und rund anderthalb Millionen Taler Privatvermögen. Doch weil das kaum noch einer weiß und weil niemand mehr für ihn schuften muß, soll er vergessen sein und bleiben. Und die benannte Terrasse, die bleibt der Dresdner Balkon. Zur Brühlschen Terrasse hinauf und hinab führen lange Stufen. Alte Türme sind zu sehen, stromauf abfahrbereite Schiffe und Brückenbogen. Und von Neustadt drüben glänzen golden ein Königshintern und ein Pferderücken. Er ist's, August der Starke. Er hinterließ Schulden, Kinder und Porzellan, aber damit war kein Staat zu machen. Nun hat sich die sozialistische Gesellschaft seiner angenommen und das Reiterstandbild wieder schön vergolden lassen.

Auf Abbildungen vom alten Dresden, und es gibt deren viele, sucht man vergebens die hauptsächliche Straße der Stadt, die berühmte Prager Straße. Doch sie ist erst 1851 angelegt worden. Schnurgerade durch Wiesen am Stadtrand zum Böhmischen Bahnhof, der gerade eröffnet wurde. Aber Anfang Februar 1945 hätte keiner mit noch so reger Phantasie die Zukunft der Prager Straße sehen können. „Wer den Saumpfad entlangläuft, der früher einmal in der ganzen Welt unter dem Namen Prager Straße berühmt war, erschrickt vor seinen eigenen Schritten. Kilometerweit kann er um sich blicken. Er sieht Hügel und Täler aus Schutt und Steinen."

So sah es der Dresdner Erich Kästner im November 1946. Heute liegt die Prager Straße dort, wo sie immer gelegen hat; nur ganz anders, ganz neu, ganz breit, sie ist ein Fußgängerbereich mit weiträumigen Geschäften, Ladenhallen und Gaststätten. Und wer dort hinkommt, ist aufgefordert, sich über den Anblick zu erfreuen, liebevoll Besitz zu ergreifen und in das Angeschaute einzudringen, damit er erkennt, wie menschenfreundlich das hier erdacht und gemacht worden ist.

(Aus: Das liebe Dresden, von Heinz Knobloch)

---

## Unika konferenco de komputistoj

Pli ol 200 komputistoj el 19 landoj de 27. — 30. 12. 1982 partoprenis internacian komputosciencan simpozion kaj ekspozicion „Interkomputo '82", en Budapesto kiu estis organizita far la hungarlanda Komputoscienca Societo Johano Neumann kaj subtenita de UNESKO kaj la Internacia Telekomunika Unuiĝo (ITU) La simpozion malfermis akademiano Tibor Vámos (Hungario), prezidanto de la menciita Societo. Eminentaj fakuloj kiel prof. d-ro Helmar Frank (FRG), prof. d-ro Ottó Haszpra (Hungario), prof. d-ro Grigorij Cejtin (USSR), d-ro Jerzy Leyk (Pollando), Jan Otto de Kat (Nederlando) k. a. prezentis la plej novajn rezultojn rilate la aplikadon de komputiloj. Necesas substreki, ke la konferenclingvo estis Esperanto, uzita en neesperantista fakscienca aranĝo. Kelkaj prelegoj dum la plena kunsido estis registritoj ankaŭ de la Hungara Televido. La laboro daŭris tri tagojn en 4—5 paralelaj sekcioj, por ke ĉiuj el la 103 prelegoj, ordigitaj en dek diversajn sekciojn estu prezentitaj. La sekcio pri „teorio kaj praktiko de programado" (prezidanto prof. d-ro Helmar Frank, FRG) estis la plej amase vizitita. Nur en tiu sekcio okazis samtempa interpretado hungaren perhelpe de interpret-aparato. El 26 prelegoj, devenantaj el 6 landoj estas tre malfacile ion ajn aparte mencii. Interkomputo '82 estis organizita omaĝe al la internacia jaro de komunikado. Kun tiu temo bone harmoniis prelego de d-roj Péter Bakony/István Kiss „Eblecoj kaj perspektivoj de interlanda perkomputila komunikado". Samtempe ĝi donis principan fonon al regula datumtransigo inter USONO kaj Hungario. En la „matematika sekcio (prezidanto d-ro Francois Lo Jacomo, Francio) dominis prelegoj el Sovetunio. La prelegoj en la „lingvoscienca sekcion (prezidanto prof. d-ro Grigorij Cejtin, USSR) estis larĝtemaj. La plej grandan intereson vekis prelego de Imre Botos (Hungario) pri „ebleco de komputa helpo al difino de originalo helpe de mistradukoj".
La „sekcio pri instruado" (prezidanto prof. d-ro Fabrizio Pennacchietti, Italio) okupiĝis pri instruado de prikomputadaj lernobjektoj kaj aplikado de komputiloj en instruado. En la „sekcio pri industrio" (prezidanto inĝ. Vladimir Nemec, ČSSR) oni okupiĝis pri aplikado de komputiloj en akvomastrumado, konstruado ktp. Tre populara estis la „mikrokomputila sekcio" (prezidanto Jimmie Osburn, Jordanio). La „agrikultura, nutraĵindustria sekcio (prezidanto Jan Otto de Kat, Nederlando) traktis la aplikon de komputiloj en la agrikulturo. La „medicina sekcio" (prezidanto d-ro Rudolf Fischer, FRG) okupiĝis pri la apliko de komputiloj ekde la medikament-planado ĝis perkomputila prognozo de malsaniĝemo. En la „terminologia sekcio" (prezidanto Terry Watts, Grandbritio) estis pritraktitaj la Esperanto-rilataj temoj: perkomputila tekstotradukado el Esperanto anglen; komputila modelo por ĉinlingva kompreniĝo, uzanta Esperanton kiel interlingvon; konstruado de ofteca Esperanto-rusa vortaro; bibliografia informretrova sistemo PREDIS; sintezo de Esperanto-parolado; programsistemo ESPLORANTO uzanta Esperanton kiel programadan lingvon. En „la sekcio pri administro" (prezidanto d-ro Jerzy Leyk, Pollando) fakuloj el kvar landoj ekzemple rakontis pri jura informretrova sistemo, pri administrad-sistemo de avia kompanio ktp. Post la sekcikunsidoj denove por plena kunsido kolektiĝis la partoprenantoj de la simpozio, por aŭskulti prelegon de I. Uygur (Svisio), ĉefsekciestro pri komputado de Internacia Telekomunika Unuiĝo (ITU), kiu partoprenis Interkomputon '82 kiel persona reprezentanto de la ĉefsekretario de ITU, kunordiganto de la Internacia Jaro de Komunikado. Sukcesan fonon donis al la simpozio la komputikteknika ekspozicio, aranĝita kun partopreno de pli ol 20 institucioj. Hungara perkomputila organiza entrepreno (SZOV) faris mikroslipon el tiu parto de la sesvoluma pli ol milpaĝa prelegaro, kiu estis redaktita per komputilo. Fakuloj amase vizitis la ekspozicion. Filmis la hungara kaj ĉeĥoslovaka televidoj. La hungara gazetaro abunde raportis pri Interkomputo. El GDR bedaŭrinde entute nur 2 fakuloj uzis la eblecon partopreni tiun unikan simpozion, unu estis oficiale sendita de ROBOTRON Dresden (d-ro Paul String). La ses prelego-volumoj estas mendeblaj ĉe la Hungara Kulturcentro en Berlin (komparu „der esperantist" 6/1982, p. 133). Laŭ Budapeŝta Informilo 2/83 kaj materialo de Ulrich Wilke)

# La tria seminario en Bad Saarow: Faka apliko

Verŝajne la nocio „Bad Saarow“ aŭ „Saarow“ (prononcu 'bat zaro') jam iom konatiĝis en la movado, almenaŭ ĝis nun per la 'tabelo de Saarow' (1981), kiu iel resumis kelkajn prioritatojn de la UEA-agado estonta.

Tiu malgranda banloko (ĉe lago Scharmützelsee) por la membroj de GDREA ne estas nekonata. Tie ekzistas unu el la seminariaj kaj feriaj objektoj de Kulturligo de GDR, kie ekde 1965 eble okazis ĉirkaŭ 20 kvalifikaj seminarioj por esperantistoj de GDR. En la jaro 1979 unuan fojon tie kolektiĝis internacia rondo por seminarii pri „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado“ kaj 1981 la Estraro de UEA havis sukcesan seminarion pri planado. Lastjare, de la 7a ĝis 12a de decembro 1982 la kulturliga domo denove havis gastojn. Tie restadis 32 esperantistoj el 11 landoj (Aŭstrio, Belgio, Bulgario, ĈSSR, Danlando, FRG, Francio, GDR, Hungario, Italio, Svedio) kaj traktis la kadran temon „Aktualaj problemoj de la scienc-teknika apliko de Esperanto“. La partoprenintoj, ĉiuj fakuloj pri la temo, ja konsciis, ke pri tio oni ne seminarios la unuan fojon. La problemoj de la faka apliko de Esperanto (aparte de la scienc-teknika) ĉiam ludis certan rolon en la historio de la Esperanto-movado, kvankam diversnivele kaj diversintensive.

Tamen, dum la lasta jardeko verŝajne tiu komponento ricevadis novan kvaliton. Rimarkeblas la klopodoj ne nur revivigi taŭgajn tradiciojn sed paŝi ankaŭ novajn vojojn. Menciindas ĉi-rilate i. a. la apliko de Esperanto en neesperantistaj fakaj medioj (Monda Federacio de Sciencaj Laboristoj, Internacia Kibernetika Asocio, Komputista Asocio en Hungario), la plifortiĝo de faklingva eldonagado (aparte en Hungario), organizado de serio da seminarioj traktantaj en Esperanto aktualajn sciencajn temojn (ekz. la SAEST-serio en ĈSSR) kaj ne laste la klopodo krei materian bazon por akceli la scienc-teknikan eldonagadon pere de la kreo de Scienc-Eldona-Centro de UEA en Budapeŝto. Do — pozitivaj evoluoj. Aliflanke daŭras la situacio, ke fakaplikaj aktivecoj tra la mondo ne estas bone kunordigitaj. Tro multo dependas de hazardo, subjektiva intuicio, personaj ŝatoj kaj preferoj kaj subitaj ŝanĝoj en personaj sferoj grave negative influante necesajn aktivecojn.

Tro ofte diletantismo, kvankam bonvola tamen malutila — ankoraŭ estas tre forta.

Aparte manko de kunordigiteco kaj diletantismo rimarkeblas en la sfero de terminologiaj aktivecoj.

Laŭ instigo de Wera Dehler (GDR) fondiĝis ĉe SEC Terminologia Sekcio (TeS), kiu havas la devon kunordigi kaj certigi altkvalitan terminologian agadon




(do i. a. helpi al kreo de taŭgaj fakvortaroj laŭ taŭgaj principoj).
Do — jen proksimume la cirkonstancoj, en kiuj la seminario en Bad Saarow havis la celon, servi al intensiva diskuto de ĉiu ĉi aspektoj kaj problemoj. La enhavon determinis la partoprenintoj. Jam laŭ alvenintaj prelegoproponoj montriĝis tre rapide, ke la ĉefa temo estos la esperanta fakterminologio kaj ties kunordigota evoluigado.
Ĝin efektive traktis 17 prelegoj kaj du vesperaj diskutrondoj. 10 pluaj prelegoj estis dediĉitaj al la strategiaj kaj organizpraktikaj aspektoj de la scienc-teknika agado.
La seminario, kiu havis la aŭspicion de UEA, ne estis malferma ĝenerala aranĝo sed celis doni intensivan laboreblecon por fakuloj. Pro tio ĝin partoprenis invititaj aŭ proponitaj fakuloj. Flanke de Universala Esperanto-Asocio ĉeestis ties ĝenerala sekretario d-ino Flora Szabo-Felsö (Hungario), la estrarano por faka agado Petar Todorov (Bulgario) kaj la direktoro de la Scienc-Eldona Centro de UEA (SEC), prof. d-ro Otto Haszpra (Hungario), krome el la oficejo de SEC András Lukács kaj Iván Bujdosó (ambaŭ Hungario). Aparte gravan kontribuon al la seminario i. a. donis la vicprezidanto de la Akademio de Esperanto, la konata botanikisto, terminologo kaj esperantologo, prof. d-ro Paul Neergaard (Danlando) kaj inĝ. Hans Joachim Plehn el Aŭstrio. Inĝ. Plehn dum jardekoj intime kunlaboris kun la fondinto de la terminologia scienco, prof. d-ro Eugen Wüster, kiu ankaŭ konatiĝis kiel esperantologo kaj leksikografo.
Partoprenis plue d-ro Willy M. A. de Smet el Belgio, inĝ. Angel Todorov kaj Violin Oljanov el Bulgario. El ĈSSR ĉeestis doc. d-ro Vlastimil Novobilsky, la inĝenieroj Zdenek Pluhař kaj Jan Werner, el la slovaka respubliko inĝenieroj Aleŝ Bednařik kaj Vladimir Nemec kaj d-ro Teodor Rosinský. D-ro Dirk Willkommen venis el FRG, el Francio Michel Duc Goninaz, d-ro Mauro La Torre el Italio kaj Roland Lindblom el Svedio.

La hungaraj kolegoj estis, krom la jam menciitaj, Katalin Farago, Ilona Koutny, d-ro Árpád Máthé kaj inĝ. Antal Münnich. GDREA-n reprezentis Wera Dehler (provizora gvidantino de TeS), d-roj Detlev Blanke, Giso Brosche kaj Karl-Hermann Simon kaj la inĝenieroj Linde Knöschke, Werner Pfennig kaj Horst Theurich. La prelegaro indikas pri la larĝa kaj serioza traktado. Jen la prelegoj pri terminologio: La internacia scienca terminologio — el perspektivo planlingva (Hans Joachim Plehn); La lingva evoluo de Esperanto — rigardata de komputisto (Antal Münnich); Terminoj kaj terminologia normigado en Esperanto (Paul Neergaard); Terminologio — sistema vidpunkto (Teodor Rosinský); Principoj de faklingva normigado (Jan Werner); aŭtoritateco de terminologiaj instancoj (Zdenek Pluhâr); Biologia nomenklaturo (Wim de Smet); Terminologio en botaniko kaj ties normigado (Paul Neergaard); problemoj de lingvoscienca terminologio en Esperanto (Michel Duc Goninaz); Praktikaj problemoj en la fervojista terminara laboro (Horst Theurich); Kreado de esperantaj fakterminoj en veterinara medicino (Giso Brosche); Provo de nova metodo en terminologia laboro (Wera Dehler); Problemoj de la fakleksiko en Esperanto (Mauro La Torre); Infoterm (Hans Joachim Plehn); Pri centra organizado de terminologiaj aktivecoj (Wera Dehler); Dezirata strukturo kaj funkciado de Terminologia Sekcio (TeS) ĉe SEC de UEA (Jan Werner).

Aldone oni havis tri ege interesajn diskutvesperojn: eblecoj kaj limoj de maŝina tradukado (gvidis Antal Münnich); lingva planado en planlingvo — sub aparta konsidero de la rolo de la Akademio de Esperanto (gvidis Detlev Blanke); terminologia agado (gvidis Otto Haszpra).

Wim de Smet krome en aparta kunveno informis interesulojn pri lia nova biologia nomenklaturo.

La parto pri la organizaj aspektoj de la faka apliko enhavis jenajn kontribuojn: Stato de scienc-teknika apliko de Esperanto (Otto Haszpra); organizaj aspektoj — kunordigado (Mauro La Torre); koncizaj informoj pri la scienc-teknika apliko de Esperanto en ĈSSR, Bulgario, Hungario kaj GDR (Vlastimil Novobilský, Vladimir Nemec, Petar Todorov, Ilona Koutny, Andrasz Lukács, Detlev Blanke); rilatoj kun neesperantistaj fakaj organizaĵoj (Otto Haszpra); fakperiodaĵoj kaj informado interna (Árpád Mathé).

Prof. Haszpra prezentis krome fakprelegon pri hidroteknika temo. Kelkaj laborgrupoj klopodis resumi la rezultojn de la seminario en konkludaroj, kiujn ni sube publikigas.

Unu tago estis senprograma kaj ebligis al la seminarianoj konatiĝon kun Berlin, la ĉefurbo de GDR.

Estas malfacile antaŭdiri la efikojn de tiu-ĉi faka seminario. Verŝajne ĝi apartenas al la plej intensivaj pri la temo. Gravas nun, ke la multaj konceptoj kaj rekomendoj trovu la meritan eĥon en la Esperanto-movado, kompetentajn kaj kunlaborpretajn kolegojn kaj la necesan administran kaj financan bazon.

D. Blanke



## Aktivas Kultura Centro Esperantista

En la aktuala movado ekzistas kelkaj profilhavaj centroj, kiuj elradias konstantan aktivecon, ĉu je kulturkleriga, eldona, scienca aŭ aliaj kampoj. Al ili sendube apartenas la Kultura Centro Esperantista en la svisa urbo La Chaux-de-Fonds (CH-2301 poŝtfako 771). Tie ne nur ekzistas jam famiĝanta gastejo „Edmond Privat", diversaj komisionoj, aparte laborantaj en Svisio sed ankaŭ Internacia Feria Altlernejo. 1983 okazos en KCE modernaj kursoj por komencantoj kaj progresantoj surbaze de metodikoj programita aŭdvida, pergesta, paroliga kaj legiga. Informilojn oni ricevas ĉe la supra adreso.

## KONKLUDARO II.

### Evoluigo de la terminologia laboro

La partoprenantoj de la Seminario

1. konscias, ke en ĉiuj lingvoj la faklingvo devas submetiĝi al racia planado, des pli en la planlingvo Esperanto;
2. konscias, ke faka aplikado de Esperanto disvolviĝis kiel esenca parto de la ĝenerala evoluo de la lingvo, kaj ke por la evoluigo oni devas atenti ĉiam la kvalifikitan laboron jam faritan;
3. plene aprobas, ke la Terminologia Sekcio de la Scienca Eldon — centro de UEA en Budapeŝto ne nur havu rolon registran kaj kunordigan sed ankaŭ lingvonormigan;
4. rekomendas evoluigi la terminologian agadon sur scienca nivelo laŭ principoj de sistemigo, klasifiko kaj difinado kun la celo atingi normigon.
Plue rekomendas efektivigon de kleriga agado pri terminologiaj metodoj kaj principoj;
5. alte taksas la moralan kaj materian subtenon de UEA, specife de ĝia Scienca Eldoncentro, por disvolvado de kvalifikita terminologia agado sub la tegmento de UEA;
6. aprezas la historie establitan favoran sintenon de la Akademio de Esperanto al ĉiaj tiucelaj kvalifikitaj agadoj kaj rekomendas, ke la Terminologia Sekcio klopodu kunlabori kun ĝi kaj ĉiuj aliaj faklingvaj institucioj de la Esperanto-movado;
7. petas la Akademion de Esperanto kaj aliajn koncernajn instituciojn esplori la funkciadon de faklingva normigado en naciaj lingvoj kun la celo apliki la internacie establitan procedon por Esperanto.

Bad Saarow, 1982-12-11.

## Legantoj pri „der esperantist“

*Rolf Löwenbein el Frankfurt/M. (FRG):*

„Mi ricevas „der esperantist“ de amiko en GDR. Tio estas por mi **la** informilo pri kio okazas en la socialistaj landoj koncerne Esperanton. Tute ne gravas, ke mi aŭdu pri viaj agadoj post kelkaj monatoj. La gazeto estas vere laŭdinda. La preso estas klara, la formatoo ideala por utiligi ankaŭ la horojn kiam mi estas survoje. La lingvo facila, tamen gramatike integra. Mi ŝatas la malgrandajn artikolojn pri la diversaj fakaj agadoj de la vigla esperantistaro en via parto de nia mondo. Speciale mi devas mencii la por mi ege imponan fakton: La granda nombro de kunlaborantoj. Laŭ mia opinio movado estas forta kiam granda anaro movas ĝin. La eldonkvanto de via gazeto certe estas impona. Pli granda estas la nombro de viaj legantoj. Aliaj kiel mi ricevas vian gazeton de dua eĉ tria mano. Kaj de ni ĝi iras al pliaj manoj . . .“

*Eduo Weichmann el Dortmund (FRG):*

„Mi loĝante en FRG, fakte ne komprenas kaj ne toleras la kritikon de s-ro Blaźek, kiu verŝajne legis „de“ tra specialaj okulvitroj. Kompare al la unua alineo de la kritikanto mi substreke diras, ke mi sentas min feliĉa, ke mi ricevis regule vian interligilon ekde la komenco de la apero kaj eĉ posedas ĉiujn numerojn . . . Via organo vere donis al mi informojn, kiujn mi ne povis elĉerpi el iu ajn alia gazeto. Via informilo multe helpis al mi en la studado historia pri la vivado de la laborista Esperanto-movado. Krom tio ĝi donis al mi klaran superrigardon pri la evoluo kaj agado kaj celado de GDREA . . .“

*I. S. Varjuchin el Rostov-Don (USSR):*

„La enhavo de „der esperantist“ al mi plaĉas. Mi eĉ toleras la tro malgrandajn presliterojn (kvankam mi ne bone vidas). Ankaŭ mi kutimis legi Esperanto-informojn ege malfruaj jam . . .“



Partoprenintoj de la seminario en Bad Saarow (kp.p. 10—11): De maldesktre dekstren d-ro Mauro La Torre (Italio), d-ro Teodor Rosinský (ČSSR), inĝ. Vladimir Nemeč (ČSSR), prof. d-ro Otto Haszpra (Hungario).

# Internaciaj aranĝoj 1983

D: Dato de la aranĝo, L: Loko de la aranĝo, N: Nomo de la aranĝo, T: Temo de la aranĝo (programo), A: Aliĝ-limdato, O: Organizanto, K: Korespondadreso, M: Maksimuma nombro de partoprenantoj, R: Rimarkoj. JA: Junulara aranĝo

## Bulgario

**1. Internacia Esperanto-kursejo en Rodopi-Montaro**

D: junio 01—14, junio 16—29, julio 01—14, julio 16—29, aŭgusto 01—10, aŭgusto 11—31, septembro 01—14, septembro 16—29, oktobro 01—14, oktobro 16—29, decembro 01—14, decembro 15—28.
L: Hotelo Esperanto en Pisanica. T: Lernado aŭ studado de Esperanto, buseks-kursoj al Pamporovo kaj Smoljan, diafilmoj, gajaj vesperoj, prelegoj ktp. OK: Internacia Esperanto-Kursejo, P. K. 791, BG-1090-Sofio.

**2. Nigramaraj Esperanto-feriadoj**

D: junio 01—14, junio 16—29, septembro 16—29, oktobro 01—14, oktobro 16—29. L: Albena, Oraj Sabloj, Varna. T: Kursoj de Esperanto, ripozo sur marbordaj plaĝoj, busekskursoj al Varna, Balĉik kaj Tolbuĥin, sportludoj, diafilmoj, diskotekoj ktp. OK: Internacia Esperanto-kursejo, P. K. 791, BG-1090-Sofio

**3. Internacia Esperantista Laborbrigado Arkeologia**

D: aŭgusto 08—31, A: julio 10, L: vilaĝo Debnevo apud urbo Loveĉ, OK: Internacia Esperanto-Kursejo, P. K. 791, BG-1090-Sofio

**4. Scienca-praktika konferenco**

D: septembro 28-oktobro 01, A: septembro 10, L: Vraca (sed komenco kaj fino en Sofio), T: „La septembra ribelo kaj poeto Geo Milev", OK: Internacia Esperanto-Kursejo, P. K. 791, BG-1090-Sofia

## ĈSSR

**1. 6-a Internacia Turisma Renkontiĝo de Ercmontaraj esperantistoj**

D: junio 24—28, L: Karlovy Vary, Okc. Bohemio, M: 40, T: turisma migrado, kulturo, paco O: LG ĈEA Karlovy Vary kaj GDREA Schwarzenberg, K: J. Klement, Kpt. Nálepky 7, CS-360 04 Karlovy Vary. R. Necesas turismaj vestaĵoj; kelkaj trakoj elekteblaj.

**2. Junulara Esperanto-Lernejo**

D: 13 tagoj en julio, L: Slovakio. JA, M: 80, OK: AE SSR-JES, Sobotské nám. 6, CS-058 01 Poprad

**3. Somera Esperanto-Lernejo apud Košice (SELKO)**

D: julio 2—14, L: Jasov, Orienta Slovakio, M: 100, T: instruado de Esperanto en kursoj, B, C, D, O: AE SSR, K: Esperanto-Klubo, CS-041 23 Košice

**4. Someraj Esperanto-Tendaroj (SET)**

D: 1-a etapo: julio 03—16, 2-a etapo: julio 17—30,
L: Lanĉov ĉe Vranov, Suda Moravio, JA, T: kursoj de Esperanto, ekskursoj, ripozado, OK: „Rekrea", Parižská 28, CS-116 09-Praha 9

**5. 9-a Kongreso de AE SSR**

D: julio 15—17, L: Žilina, Meza Slovakio, M: 300, T: traktadoj, kultura kaj amuza vesperoj, sekci-kunsidoj, O: AESSR, Org. Fako, Sobotské nám. 6, CS-058 01 -Poprad

**6. Turisma Semajno en Slovaka Paradizo (TuSE)**

D: julio 23—29, L: TJ Tatran apud Ĉingov, Orienta Slovakio, M: 120, K: P. Pavúk, Jilemnického 17/9, CS-05201, Sp. Nová Ves

**7. Esperantista Kultura Festivalo**

D: septembro 10—11, L: Opava, Norda Moravio, OK: „Rekrea", Parižska 28, CS-116 09-Praha 9, R: eblas aranĝi pli longan restadon kun vizito en Prago

**8. Ascendo sur la montpinton Králová Holá**

D: 3 tagoj en oktobro, L: Švermovo, Malaltaj Tatroj, OK: AESSR-JES, Sobotské nám 6, CS-0580-Poprad, JA

**9. Kulturaj Esperanto-tagoj**

D: 3 tagoj en decembro, L: Poprad, Orienta Slovakio, T: konkursoj literaturaj, fotoamatoraj ktp. OK: AESSR, Org. Fako, Sobotské nám. 6, CS-05801-Poprad

## Hungario

Vidu la liston en „der esperantist" n-ro 115 (5/1982), p. 114—115

# Venkintoj de la historio

IFER jam fariĝis nocio. Dum nur mallongaj tagoj multo okazas dum la tradicia Internacia Foira Esperantista Renkontiĝo en Leipzig.

Ankaŭ IFER'83 (11.—13. 3. 1983) havis tre plenan kaj interesan programon, kiu allogis 160 esperantistojn el 5 landoj (Bulgario, ĈSSR, FRG, GDR, Hungario kaj Okcidenta Berlin). Ĉijare la ĉefa temo estis „Venkintoj de la historio — proletaj kaj burĝaj-humanismaj tradicioj de la pacmovado".

Jam vendrede, la 11an de marto, por kelkaj jam posttagmeze komenciĝis la programo. Kunsidis la Sciencteknika Komisiono de GDREA. Post informoj pri Interkomputo (d-ro Broczko, Wera Dehler) kaj la seminario pri sciencteknika aplikо de Esperanto en Bad Saarow fine de 1982, d-ro E.-D. Krause informis pri la aperonta granda vortaro Germana-Esperanto kun pli ol 40 000 artikolvortoj. Ĉefa tagorda punkto estis materialprezento de Linde Knöschke pri helpilo por verki faklingvajn tekstojn. Vespere oni solene malfermis IFER'83 (Wera Dehler) kaj aŭskultis salutparoladetojn de la eksterlandaj reprezentantoj kaj de GDREA. Tre ĉarma estis la saluto de la pionira grupo sub gvido de Helmut Birnbaum kaj la prezentoj de la Duo Espero el Plovdiv (pianistino Ikonomova kaj violinisto Kostadinov). La sabato estis la programa ĉeftago. Post referaĵo de d-ro Detlev Blanke pri la tradicioj de la pacagado en la Esperanto-movado la bulgara delegito Jordan Angelov prezentis referaĵon de Nikola Aleksiev, honora prezidanto de MEM, pri Georgi Dimitrov. Ĉar ja unu el la venkintoj de la historio sendube estas Dimitrov, kiu antaŭ 50 jaroj per siaj kuraĝaj elpaŝoj dum la fama Reichstagsbrandprozeß (procezo pro la bruligo de la regna parlamento) donis la unuan tre gravan signalon de rezisto kontraŭ la nazioj. Akuzito fariĝis akuzinto. La partoprenantoj havis la eblecon trarigardi la bonegan ekspozicion en la Dimitrov-muzeo. Posttagmeze, post tre efika diskutkontribuo de Roland Schnell (FRG) pri la aktuala pacmovado, sekvis bonega superrigardo pri la apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko de docento d-ro Vlastimil Novobilský el Usti N. L./ĈSSR. La fakgrupoj de medicinistoj, komputistoj, fervojistoj kaj poŝtistoj havis siajn fakkunvenojn. Vespere oni aŭskultis kantadon de s-ino. M. Berthold

Kun piana akompano de Michael Behr kaj povis ĝui folkloran kordo-cimbalan orkestron el ĈSSR sub gvido de inĝ. Havlik.

Kompreneble ne mankis ebleco danci. Ankaŭ la dimanĉa antaŭtagmezo havis vere multflankan programon. D-ro Ferenc Jaki (Hungario) prelegis pri Esperanto kaj literaturo, Rudolf Hirsch (FRG) montris mozaikon de prikongresaj diapozitivoj. Eduard Tvarožek (ĈSSR) ravis la aŭskultantojn per diapozitivoj pri la „Slovaka paradizo", kaj la gvidantino de la esperantista sekcio de la hungara junulara vojaĝoficejo Expresz Maria Evva prelegis pri Esperanto kaj turismo. Valoras krome mencii tute novan programpunkton „Horo de muziko" en la plenumo de la duo Espero kaj M. Berthold.

Kompreneble ekzistis abundo da ekskursoj. La poŝto eldonis apartan porokazan stampon kun la portreto de Dimitrov kaj la mencio de la foira renkontiĝo (sed sen mencio, ke temas pri Dimitrov, domaĝe).

La gazetaro raportis kaj oni faris ampleksajn radio-intervjuojn kun d-ro Detlev Blanke kaj Jürgen Hamann. La tuta aranĝo ankaŭ ĉijare distingiĝis per alta kvalito kaj densa multflanka programo. La preparon kaj okazigon mem realigis loka prepara komitato, el kiu pleje meritiĝis Michael Behr, Rolf Beau kaj Jürgen Hamann kaj — ties helpemaj edzinoj.

Tre bonvena estis la materialujo, kiu entenis i. a. donacon de Bulgara Esperanto-Asocio, nome la broŝuron pri Georgi Dimitrov de Nikola Aleksiev kaj la konciza Dimitrov-biografio de Petra Radenkova en la traduko de Nikola Aleksiev. Krome enestis la fama dialogo inter Dimitrov kaj Göring (tradukis Jürgen Hamann), la soveta broŝuro „Defendi la pacon . . ." kaj la GDR-eldono de Paco 1982. Riĉa materialo tute konvena por la temo de la ĉijara IFER. La esperantistoj de Leipzig al la IFER-koliero aldonis pluan perlon.



**An die Bezieher von „der esperantist" in der DDR**

Aufgrund eines Irrtums in der Etikettierstelle des Postzeitungsvertriebs haben einige Bezieher die Nummer 6/1982 doppelt erhalten. Wir bitten diese sehr herzlich, die überflüssige Nummer an den Zentralvorstand zurückzusenden, da diese dringend benötigt werden.



# Denove pri terminologio: letero de Wera Dehler

**Kara Michael Lennartz!**

Dankon pro via reago je miaj „6 tezoj..." kaj „proponoj por termonologia laboro" („de" 112)! Aliaj nur ĝenerale konsentas, apogas, represas... — Vi fakte (bedaŭrinde!) estas la unusola, kiu publikigis tian detalan kritikan pripenson.

Jen mia opinio pri viaj punktoj:

**1. DEMOKRATIECO**

Vi tute pravas, ke „terminologio dependas de ekonomiaj kaj politikaj cirkonstancoj". Plej klare tio evidentiĝas el la ĝisnunaj naciaj kaj internaciaj klopodoj pri normigado kaj la vere modestaj rezultoj — ekzemple de la ISO-rekomendoj pri terminologio („TC 37"). La komplika situacio sur tiu tereno i. a. respegulas la ekonomian kaj politikan komplikecon de nia mondo.

„Terminon kreas... tiuj, kiuj kreas la koncepton (aĵon)" — kompreneble: kiu naskas bebon, rajtas (eĉ devas!) nomi ĝin!

Inter la pluraj faktoroj, kiuj decidas pri ekzisto kaj vivdaŭro de terminoj „kaze de tradukado/fremdlingva verkado" (certe „fremd-" signifu „esperant-", ĉu ne?), vi ne mencias faktoron, kiu tamen al mi ŝajnas grava: la **naciecon** de la tradukanto/verkanto.

Tion pruvas via bona ekzemplo: „kibernetiko-cibernetiko": Profesoro Frank ne nur estas „fama kaj verkproduktiva" aŭtoro, sed ankaŭ germano. Do, por li, la koncerna internaciismo estas „Kybernetik", dum la franca profesoro Waringhien, kiu fine respondecas pri PIV, eble pensis pri „cybernétique" — se ni ne volas serĉi la fontojn de la diferenco pli profunde: Norbert Wiener, kiu en 1948 donis la nomon al la nova scienco, estis usonano (a: cybernetics), dum la radiko venas el la greka, kiu ne havas literon similan al la latina „c", sed ja „k" -n!

**2. FAKULA MEMSTARECO**

Mi dankas pro la atentigo pri artikolo de F. Lo Jacomo en „esperanto" 5/78. Tiatempe mi verŝajne ne legis ĝin, ĉar temas pri „alta matematiko" — kaj ĉirilate mi estas „eksterfaka stultulo", sed nun mi klopodis kompreni la esencon de la tiea diskuto, kaj el ĝi mi konkludas, ke necesas a) ĝenerala, ampleksa pripensado pri faka apliko de afiksoj (ne nur „mal" kaj „ne", sed aro da malsamsence uzitaj fundamentaj, internaciaj, sciencaj, pseŭdo- kaj kvazaŭ-pre-kaj sufiksoj atendas ordigon-sistemigon) kaj b) plua diskuto pri matematikaj terminoj.

a) ŝajnas al mi temo por interfaka komisiono sub gvido de lingvistoj-esperantologoj, dum en

b) lingvaj kompetentuloj povos partopreni kiel konsilantoj, kiuj ekzemple insistas pri la unusignifeco de terminoj kaj evito de sononimoj. Sed ĉu en escepta kazo eble pli gravas la simetrieco kaj oni bezonas krom „nulaĵo" ankaŭ ties sinonimon „malpoluso" — tiun demandon (post sufiĉe longa pripensado, diskutado kaj prova apliko en kuntekstoj) nur povos respondi matematikistoj! (Same nur ili vere komprenos, ĉu kaj kial „ekvacio" kaj „egalaĵo" ne estas sinonimoj).

Entute: mi forte insistas pri la dua tezo kaj substrekas ĉiun vorton. Sed mi aldonas precizigon pri la tasko de la „konsilantoj": ili nuntempe preparas „rekomendojn por terminaristoj", kiuj helpu eviti erarojn kaj ebligu racian organizadon de la terminologia laboro. Krome la Terminologia Sekcio ĉe la Scienc-Eldona Centro de UEA (TeS ĉe SEC) planas, ligi lingviston aŭ esperantologon al estontaj fakaj komisionoj, kiu dekomence speciale apogu la koncernan fakan laboron.

**3. ORGANIZITECO kontraŭ DECIDRAJTO (kial „kontraŭ?")**

Vi skribas: „Internaciaj komisionoj ne funkcias." Se estus tiel, ne ekzistus PIV, nek Slipara Vortaro, nek E-Bildvortaro, por nur mencii kelkajn gravajn, eldonaĵojn!

„Kiujn rajtojn...?" ĉi-tiun vian demandon mi konsideras kiel la plej seriozan kaj malfacilan. Vi prave konstatas, ke „eĉ ne la vortoj en PIV estas devigaj"! Devigaj — en iu jura senco — certe ne! Ni ne povos starigi normojn, kiuj havas leĝan validecon. Esperantistaj fakuloj estus feliĉaj, se ekzistus institucio, kiu almenaŭ pravigas aŭ malpravigas, agnoskas aŭ malagnoskas, rekomendas aŭ malrekomendas terminojn. Ili revas pri iu terminologi-normiga institucio kaj strabe rigardas la Akademion de Esperanto. Sed la Akademio de Esperanto ne estas tia. Nek nun, kaj verŝajne nek en la proksima estonto.

Sinhelpo necesas. Pro tio en SEC fondiĝis Terminologia Sekcio. Ankaŭ ĝi neniam havos „devigan potencon". Sed ĝi povos **rekomendi** formojn de organizo, vojojn al kunlaboro, raciajn labormetodojn. Kaj ĝi povos akcepti por presado serioze verkitajn projektojn kaj malakcepti malseriozajn. (ĝi ne povos malebligi, ke ĉi-lastaj tamen ie eldoniĝu, sed:) Eldonante nur science prilaboritajn verkojn, ĝi povos akiri, iom post iom, aŭtoritaton.

Mi ne kuraĝas profeti, ĉu tia aŭtoritato iam sufiĉos por forigi la monumenton de malakordo, tiun trikapan drakon „komputilo-komputoro-komputero", kiun vi, prave sed malbonŝance vokis.

Dum INTERKOMPUTO 82 mi venis al la impreso, ke la hungara „komputilo" glore venkis la konkurantojn, oficiale kaj ĝenerale uzita por ĉiaspecaj „komp..." aĵoj — dum la angla „komputoro" obstine persistis en koridora kaŝ-vivo,

kaj „komputero“ trankvile restis en PIV. Bonvolu kompreni, ke mi ne emas tuŝi tian „varmegan feron“ kaj permesu, ke mi citu vin malkomplete:

**4. TEMPO kaj KOMP . . .**

La demando, ĉu kaj kiagrade komp . . . oj estos utilaj aŭ necesaj por terminologia laboro, laŭ mia opinio estos unu el la ĉefaj diskutpunktoj dum la preparlaboroj por estontaj TeS-rekomendoj.

Mi ĝojas, ke vi samopinias kun mi pri la graveco de laŭeble plej progresemaj labormetodoj. Sed vivi en la 80aj jaroj ne signifas, ke ĉiuj kunlaboremaj kompetentuloj disponas pri komp . . . o! (se vere nur homoj, kiuj havas komp . . . on **kaj** tempon, kapablus terminologie labori, ni tuj povus ĉesi ĉiujn klopodojn kaj penojn kaj entombigi ĉiujn revojn rilate al terminologio!) Eble post dek jaroj . . .! Sed ĝis tiam verŝajne ni devos uzi la jam „klasikajn“ slipojn. (se la vorto ĝenas vin, vi povos enmense ĝin anstataŭigi per „karto“) Kaj fine pri terminologia laboro kaj **faka verkado:** ankaŭ mi opinias ilin nedisigeblaj. Sed pri la sinsekvo mi malsamopinias. Se ni **unue** eldonos „sciencajn librojn“, terminologia laboro nur povos esti: kribrado de presaĵoj de diversaj, diverslandaj aŭtoroj, kiuj eble kreis belajn terminojn, ĉiu laŭ plej bona scio, laŭ propra koncepto, laŭ nacilingva kutimo. Kun iom da fantazio oni povas imagi, ke tiam la supre menciita trikapa drako nur estus naiva praavo de neregeblaj monstroj. Laŭsistema terminologia laboro, kiu profitas el la avantaĝoj de E. ne plu eblus — aŭ minimume estus pluroble pli pena.

Kial ne diverslandaj samfakuloj interkontaktiĝu, korespondu pri fakaj aferoj, interŝanĝu spertojn kaj opiniojn, interkonsentu pri bazaj konceptoj, pri iliaj interrilatoj kaj sistemeco. Dum tiu „intervarmiga“ fazo povos formiĝi ideo pri la plej taŭga vojo al estigo de „baza literaturo“ (enkondukaj kaj instruaj verkoj): ĉu unu eminenta aŭtoro verku kaj dissendu la pretan manuskripton al la aliaj por reviziado, aŭ oni disdonu unuopajn ĉapitrojn al diversaj aŭtoroj kaj reviziu reciproke, ĉu oni traduku bonajn nacilingvajn fakverkojn aŭ kunlaboru kun elstaraj nacilingvaj kompetentuloj — tutcerte multaj vojoj gvidos al Romo. Gravas nur, laŭ mia opinio, ke **antaŭ presado kaj disjetado** (precipe de tiaj bazaj verkoj, kiuj vole-nevole havos normigan karakteron) **estu interkonsento,** por eviti postan senfinan disputadon kaj konfuzon. Ĉu terminaro de la koncerna fako estiĝos samtempe, antaŭe aŭ poste, ne gravas — ĝia evoluo kaj ĝisdatigo ja estos ĉiukaze daŭra procezo.

**Esperante, ke same daŭros diskuto pri tiaj demandoj, mi kore salutas vin!**

**Wera Dehler**



(daŭrigo p. 16)

plej diverslandaj kaj plej altnivelaj fakuloj kapablaj instrui sian fakon en Esperanto.

5. Estas necese prepari kaj permanente ĝisdatigi la bibliografiojn (kun indiko de la trovlokoj de la raraĵoj) de la ekzistanta fakliteraturo kaj kolekti tiujn valorajn fakajn manuskriptojn kiuj pro iu kaŭzo ne povas presitaj aperi kaj disponigi ilin al interesiĝantaj fakuloj.

6. Estas necese ebligi pli efikan laboron de la esperantistaj fakaj organizaĵoj. Oni devas pritrakti dum la sekva UK, iaspecan kunfandiĝon de la fakaj organizaĵoj kun UEA ke per kuntiro kaj simpligo de la administraj taskoj la faka membraro pli efike povu sin dediĉi al fakaj laboroj. UEA donu helpon por faka agado ankaŭ al fake neorganiziĝinta fakularo. Oni daŭre devas zorgi pri ĝisdatigo kaj publikigo de fakaj adresaroj.

7. Esenca pliefikigo de la informado pri la faka aplikado de Esperanto kaj enkadre de la E-movado (nun: Budapeŝta Informilo, sed estonte ankaŭ la revuo Esperanto) kaj por la neesperantistaj fakaj medioj estas nepra kondiĉo por la plua evoluo. Apartan studon bezonas la ekonomiaj problemoj de la multlingveco kaj la kvanta pruvo de la utilo de Esperanto ĉi-rilate.

8. En ĉiaspeca supre skizita agado oni devas nepre zorgi pri la financa bazo (abonado, antaŭmendo, reklamoj, subvencioj k.a.).

9. En la plenumo de la supre skizitaj taskoj ĉiuj kompetentaj unuopuloj kaj diversgradaj organizaĵoj povas kaj devas partopreni. Specifan rolon devas havi la Scienca Eldoncentro (SEC de UEA) precipe pri la taskoj listigitaj sub punktoj 2.4, 2.5 kaj 5. Same SEC — krom propra agado koncerna — devas okupiĝi pri konsilado en preskaŭ ĉiuj supre menciitaj terenoj, precipe koncerne la internacian kunordigadon de la agadoj.

10. SEC tre bezonas helpon kaj kunlaboron de fakuloj en sia agado (precipe en verkado, tradukado, selektado, lingvafaka reviziado, redaktado de siaj eldonaĵoj, interalie tiu de la Sciencaj Komunikaĵoj).

# El la vivo de GDREA

## 5-a plenkunsido de la Centra Estraro

La 26-an kaj 27-an de marto 1983 en Erfurt okazis la 5-a plenkunsido de la Centra Estraro de GDREA, kiun ankaŭ partoprenis krom la 44 membroj ĉirkaŭ 30 gastoj el la diversaj distriktoj. La prezidanto de GDREA Hans Heinel parolis pri kelkaj bazaj taskoj de la esperantistoj de GDR en la Karl-Marks-Jaro. Pri „Martin Luther - grandeco kaj limo" prelegis pastoro Hans-Jürg Kelpin, prezidanto de la Distrikta Estraro en Erfurt. Prof. d-ro Georg F. Meier el Berlin, konata lingvisto, membro de la Centra Estraro, prijuĝis la ĝisnunajn 4 interlingvistikajn seminariojn por profesiaj lingvistoj de GDR, kiuj okazis 1979—1982 en Ahrenshoop kaj skizis la perspektivon pri la kunlaboro kun la lingvosciencistoj. Krome la plenkunsido traktis la laborplanon de GDREA 1983, la aliĝojn de GDR-esperantistoj al la Universala Kongreso en Budapest, aŭskultis raportojn pri la promesplenaj aktivecoj de kreskanta nombro de esperantistaj pioniraj grupoj en GDR (Fritz Wollenberg, Hans-Joachim Borgwardt) kaj informiĝis pri la tre sukcesa internacia seminario pri la apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko, kiu okazis fine de 1982 en Bad Saarow. La plenkunsido krome traktis en tri apartaj laborgrupoj pri a) kunlaboro kun sociaj partneroj (gvidis Jürgen Hamann), b) problemoj de la lingva kvalifikado (gvidis d-ro Hans-Joachim Hußner), c) informa publika agado (gvidis Werner Pfennig). Menciindas krome, ke Wera Dehler raportis pri Interkomputo 1982 kaj pri la teatra festivalo en Budapest, de kiu ŝi rekte venis al Erfurt.

Per la Honorinsigno de GDREA pro meritoj por la agado en la sudo de la respubliko (aparte en la Altlernejo Ilmenaŭ) estis distingita d-ro Hans-Joachim Hußner.

## „Amikeco!"

Tio estas la saluto de nia pionirorganizaĵo —

Amikeco estis ankaŭ la moto de renkontiĝo kun slovakaj pioniroj en Sobrance, ĈSSR.

Dek pioniroj de la laborgrupo „Esperanto" de la pionirdomo Stralsund dum julio 1982 sekvis inviton de Esperanto-pionirgrupo en Sobrance, malgranda urbo en orientslovakio, nur 20 km malproksime de la limo inter ĈSSR kaj USSR. La longa veturo je la distanco de 1400 km ne estis streĉa, ĉar ni havis belegan veteron kaj veturis tra la vidinda pejzaĝo de ĈSSR. Per floroj kaj belaj koloraj figuroj oni akceptis nin tre kore. Tre rapide ni havis personajn kaj amikecajn kontaktojn kun la ĉ. 30 pioniroj el 6 orientslovakaj urboj. Komunaj migradoj, urbrigardadoj, du disko-dancvesperoj, malgrandaj sportludoj kaj banado firmigis nian amikecon kaj pasigis al ni tri multflankajn kaj belajn tagojn. Nun la korespondadoj pliprofundigu kaj daŭrigu la kontaktojn.

Al ĉiuj organizantoj, antaŭ ĉio al la domo de pioniroj en Sobrance, al la s-anoj kaj amikoj J. Hriždak, d-ro A. Lukač, I. Szabo, M. Ivan kaj direktoro I. Petrov per ĉi tiuj linioj ni volas tre kore danki pro la bona organizado kaj prizorgo.

Laŭ komisio de la Stralsundaj partoprenintoj

Hans-Joachim Borgwardt

## Jam sepa semajnfina seminario

Ankoraŭ multaj distriktaj organizaĵoj de GDREA ne kapablas organizi tion, kiun oni jam faris la 8an fojon en Neubrandenburg. De la 4a ĝis 6a de februaro 1983 tie okazis la jam tradicia semajna intensa kursaro. Kursaro, ĉar estis 3 kursoj (por komencantoj, progresintoj kaj por konversacio), kiun — sub gvido de B. Stief, W. Pfennig kaj A. Zettier — partoprenis 32 esperantistoj. Kiam sekvos aliaj distriktoj?

Pri siaj spertoj ĉe la aranĝo de similaj kursoj Werner Pfennig sufiĉe detale jam raportis en „der esperantist" 3/1981.

## La tria pionira renkontiĝo

Dank' al la iniciatemo de Fritz Wollenberg, membro de la Centra Estraro de GDREA, la 3a Pionira Esperanto-Renkontiĝo okazos de 11a ĝis 15a de julio 1983 en Strausberg. Informojn donas Fritz Wollenberg, 1071 Berlin, Bergener Straße 12.

## Pionira grupo en Pirna

Aktiva grupo de junaj pioniroj agadas sub la gvido de Norbert Karbe en Pirna, en la kadro de la Pionira Domo „Maxim Gorki". Antaŭnelonge la grupo faris sukcesan ekspozicion kaj trovis bonan aprezon.

## Zamenhoffesto

25 personoj el diversaj distriktoj de GDR partoprenis Zamenhoffeston en Bernau la 11an de decembro 1982. Oni aranĝis kvizon pri la vivo de Zamenhof kaj prezentis multflankan programon.

## Forta eĥo je artikolo en „Junge Welt"

La relative forta publicemo de gazetoj el GDR pri Esperanto daŭras. Pri 1981 ni donis superrigardon en „der esperantist" 5/1982 (n-ro 115), p. 110—114. Simila rezulto verŝajne estas atendebla por 1982. La superrigardon ni prezentos en unu el la sekvaj kajeroj. Surpriza por ni estis la eĥo, kiun havis relative mallonga kaj meznivela artikolo en la ĉeforgano de la Libera Germana Junularo „Junge Welt" (Juna mondo), aperinta la 29an/30an de januaro 1983. Ĉar oni menciis la adreson de la asocia sekretariejo de GDREA, pli ol 50 leteroj de lernantoj, studentoj kaj popolarmeanoj atingis nin kun la peto pri pluaj informoj. Menciindas, ke multaj montris en siaj leteroj, ke ili jam antaŭe aŭdis pri Esperanto. Do ankaŭ la informiteco pri Esperanto de eĉ junaj homoj en GDR kreskas, se ankaŭ (tro) malrapide, tamen konstante.

## Serĉo ankaŭ pere de „Horizont"

En „der esperantist" n-ro 116 (6/1982) sur paĝo 126 aperis serĉanonco pri Karl Zeisig el Leipzig. Ankaŭ la prestiĝa semajna revuo pri internaciaj aferoj „Horizont" kunhelpas trovi informojn. En sufiĉe ampleksa artikolo la ĵurnalisto Norbert Stein priskribas en n-ro 9/1983 la ĝis nun konatajn faktojn esperante, ke iu povus kompletigi la mozaikon.

## „Berliner Rundfunk" kaj „Stimme der DDR"

La 18an de januaro 1983 la redakcio „Hallo — junulara ĵurnalo" de „Radiostacio Berlin" (GDR) disaŭdigis vespere bonan raporton pri Esperanto.
La 19an de marto 1983 „Voĉo de GDR" antaŭtagmeze disaŭdigis intervjuon kun d-ro Detlev Blanke en la kadro de la „Scienca ĵurnalo".

## En la revuo „Sprachpflege"

La tre populara monata revuo „Sprachpflege" (Lingvo-kultivado), eldonata de la Duden-redakcio ĉe VEB Bibliographisches Institut en Leipzig estas vaste legate de filologie kaj lingvistike interesitaj homoj en GDR, aparte de instruistoj. En n-ro 2/1983 (p. 17—20) aperis iom ampleksa artikolo de d-ro Detlev Blanke sub la titolo „Interlingvistiko: Objekto, problemoj, rezultoj".

## Unua studenta kurso en GDR

Ekzistas certa kontraŭdiro. Sur unu flanko en GDR Esperanto estas konsiderata serioza afero, aparte ankaŭ — kompreneble kun esceptoj — en lingvistikaj rondoj. Sur alia flanko ĝis antaŭnelonge, malsame al aliaj landoj, ne ekzistis studentaj Esperanto-kursoj en altlernejoj kaj universitatoj. Tio iom ŝanĝiĝis kaj espereble plue ŝanĝiĝos.
Ekde la aŭtuna semestro en la Teknika Altlernejo Ilmenau oni oficiale ofertas Esperanto-kurson al studentoj de la diversaj fakoj. Ĝin gvidas d-ro Hans-Joachim Hußner, prezidanto de la Distrikta Estraro Suhl kaj membro de la Centra Estraro de GDREA. La unuan kurson partoprenis nur 6 studentoj, tamen oni atendas plikreskantan interesiĝon, des pli, ĉar pri Esperanto jam aperis kelkaj artikoloj en la altlerneja gazeto. (ekzemple en „Neue Hochschule" 3/26, 17. 2. 1983)
La instrucelo de la kurso aparte estas kapabligi la studentojn al tradukado kaj ebligi al ili aliron al la scienc-teknikaj esperantaj aktivecoj. La unuan ekzamenon ĉiuj jam sukcese trapasis.
Do — al la Teknika Altlernejo Ilmenau apartenas la merito havi la unuan studentan Esperanto-kurson en GDR. Espereble baldaŭ sekvos aliaj altlernejoj.

## Altlerneja prelego en Berlin

En Humboldt-Universitato d-ro Detlev Blanke prelegis la 19an de januaro 1983 antaŭ 30 studentoj de la sekcio slavistiko pri bazaj problemoj de interlingvistiko.

## Startis „Berlina Informilo"

Ekde 1983 la esperantistoj el Berlin (GDR) havas sian informilon. Ĝi aperas 6-foje jare kaj estas redaktata de Dieter Berndt (DDR - 1020 Berlin, Berolinastr. 2).

## „Maks kaj Moric" en Esperanto

Finfine ankaŭ la famaj bubaĵoj de Maks kaj Moric de Wilhelm Busch (Vilhelm Buŝ) en Esperanto. Tradukis la tuton Wilfried Hofmann el Karl-Marx-Stadt. La 20-paĝan ilustritan broŝureton eldonis la Distriktaj organizaĵoj de GDREA de Karl-Marx-Stadt kaj Leipzig. Ĝi kostas 4 markojn kaj estas havebla ĉe Helga Beau (7010 Leipzig, Jacobstraße 9).

## Distrikta renkontiĝo Frankfurt/O.

La esperantistoj de la distrikto Frankfurt/O. okazigis la 20an kaj 21an de novembro 1982 sian distriktan renkontiĝon en Wriezen. Partoprenis pli ol 40 personoj, inter ili du polaj kaj du bulgaraj gastoj. Ankaŭ la urbestro de la urbo kaj aliaj eminentuloj de Kulturligo partoprenis la renkontiĝon. La prezidantino de la Distrikta Estraro de GDREA, Bärbel Kulisch, resumis en sia parolado la rezultojn de la 10a Kongreso de Kulturligo. La partoprenintoj akceptis rezolucion kontraŭ la konkura armado kaj preparo de mondmilito.

## Handikapitoj

Handikapitaj esperantistoj, kiuj interesiĝas pri korespondkontaktoj kun samideanoj skribu al: s-ino Jutta Lorenz, 9580 Zwickau, Kirowstraße 21.

### Letervespero en Wriezen

Membroj de Wriezen-a E-societo ankoraŭfoje dankas al ĉiuj respondantoj. Ricevinte leterojn, prospektojn kaj bildkartojn el Sovjetunio (23), Pollando (8), Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Nederlando (po 7), Italio kaj Francio (po 6), Britio kaj Brazilo (po 4), Hungario, Finnlando, Danlando kaj Usono (po 3), GDR, FRG, Hispanio kaj Svedujo (po 2), Rumanio, Jugoslavio, Belgio, Venezuelo, Kanado, Aŭstrio kaj Japanio (po 1) ĉiam denove ni estas entuziasmaj pri amikeco kaj pacvolo de eksterlandanoj.

### Ĉu koresponddezirantoj maldeziras korespondi?

„der esperantist" apartenas al tiuj Esperanto-revuoj, kiuj regule kaj abunde publikigas koresponddezirojn el la tuta mondo. La redakcio tion, senpage, tre volonte faras. Bedaŭrinde ĉiam denove ni ricevas informojn pri tio, ke la koresponddezirintoj tute ne reagas al leteroj. Ĉu ili do ne volas korespondi? Tio estas ne nur tre bedaŭrinda, negativa kaj malĝentila sinteno sed ankaŭ forte seniluziigas la skribintojn.
Ofte la skribintoj al la anoncoj estas novaj esperantistoj, al kiuj oni propagandis, ke per Esperanto oni „tre facile" povas ekligi kontaktojn kun „la tuta mondo". Kaj — ne venas respondo. Certe, ofte la anoncintoj ricevas tro multajn leterojn aŭ eble ne trovis la konvenan korespondanton. Tamen, estas afero de elementa ĝentileco, se almenaŭ respondo, eĉ se negativa, estu sendata al la skribinto.

La redakcio

### Kartei der Vorträge

Der Zentralvorstand beabsichtigt, eine Kartei von interessanten Vorträgen in Esperanto über allgemein interessierende Probleme, Reiseberichte u. ä. anzulegen, um den Gruppen auf Wunsch die entsprechenden Referenten vermitteln zu können. Natürlich sind auch Vorträge gefragt, die einzelne Bereiche und Probleme der Esperanto-Bewegung behandeln. Alle Referenten, die bereit wären, ihre Vorträge auch vor Gruppen außerhalb ihres Heimatbezirkes zu halten, werden gebeten, an den ZV zu melden: 1. Name + Adresse, 2. Geburtsjahr, 3. Beruf, 4. Esperantist seit wann, 5. Thema des Vortrags, 6. kurze Inhaltsangabe, (10—15 Zeilen), 7. Dauer des Vortrages (Minuten), 8. Anschauungsmittel (Dias, Tonband, Bildmaterial u. ä.), 9. Welche technischen Voraussetzungen hat der Gastgeber zu liefern? (z. B. Bereitstellung von Projektor, Leinwand usw.), 10. Wird ein Honorar gefordert?, 11. Welche weiteren Leistungen sind vom Gastgeber zu erbringen (Übernachtung, Fahrtkosten u. ä.)?, 12. Besondere Bemerkungen.
Es ist beabsichtigt, aus dem eingegangenen Material ein Vortragsangebot für die Gruppen des Esperanto-Verbandes zu erarbeiten.

### Elisabeth Szubert: Barbara kaj la urbo de ora pluvo

„. . . La germana lingvo tute kaptis min. Mi sonĝas germanlingve, kaj ofte mi trovas min pensante germane, ne angle. Iam mi volis lerni Esperanton. Sed al mia patro, kiu komence estis entuziasma pro Esperanto, tiu lingvo ne plu sufiĉas. Jen mankas literaturajoj, kaj li tre ŝatas legi. Li opinias, ke multaj belajoj de aliaj lingvoj perdiĝas dum tradukado Esperanten. Esperanto ja estas pli malriĉa ol aliaj lingvoj. Esperanto ankaŭ ne sukcesas partopreni la evoluon de la homaro en tekniko, scienco, arto aŭ politiko . . ."
El: Szubert, Elisabeth: Barbara und die Stadt des Goldregens. Berlin 1981, p. 171

Trad. Michael Lennartz

P. S. Mi petas ne sendi protestajn leterojn al la aŭtorino.

### Ni kore gratulas

— al Erich Würker, kiu ricevis pro sia esperantista aktiveco la plej altan distingon de la urbo Reichenbach, la Caroline-Neuber-medalon.
— al Johannes Dittrich el Roßwein, kiu festis sian 70an naskiĝtagon la 21an de marto 1983.
— al la soveta Esperanto-veterano N. I. Sigal, kiu festis sian 85an naskiĝtagon la 7an de marto 1983.
— al Walter Kemnitz el Wittenberg, kiu festis sian 70an naskiĝtagon la 23an de februaro 1983. La jubileulo estas aktiva esperantisto kaj deputito de Kulturligo en la distrikta parlamento Halle.
— al Richard Rabenalt en Rathenow, iama laborista esperantisto, eksmembro de Centra Laborrondo, meritplena pri la agado en distrikto Potsdam okaze de lia 80-a naskiĝtago dum januaro 1983.
— al d-ro Günter Minkwitz, prezidanto de la Distrikta Estraro en Dresden, membro de la CE de GDREA, okaze de lia 60-a naskiĝtago.

### Ni funebras

— pro la forpaso de Richard Herr (29. 1. 83), kiu longe aktivis en la grupo de Potsdam.
— pro la forpaso de Lore Knapp el Berlin, la 5an de marto 1983.

✶

**Redaktionelle Information**

Wegen technischer Gründe in der Druckerei erscheinen die Ausgaben von „der esperantist" im Jahre 1983 mit großer Verspätung. Wir bitten um Verständnis.

**Redakcia informo**

Pro teknikaj kaŭzoj en la presejo la numeroj de „der esperantist" en la jaro 1983 bedaŭrinde aperos kun grandaj malfruoj. Ni petas pri komprenemo.

# El eksterlando

## MEM ĉe Monda Federacio de Asocioj de UN

La 9an ĝis 12an de novembro 1982 en Budapest okazis la 8a regiona konferenco de la eŭropaj Asocioj de UN, apartenantaj al la Monda Federacio de Asocioj de UN (World Federation of United Nations Associations, WFUNA).

Tiun konferencon ankaŭ partoprenis la prezidanto de MEM, d-ro Imre Pethes. Laŭ la tagordo la konferenco i. a. traktis en punkto 8c „humanajn problemojn de kultura kunlaboro kaj edukado". Pri tiu tagordero estis akceptita aparta rezolucio, kiu, laŭ instigo de d-ro Imre Pethes, sub punkto e) alvokas ĉiujn WFUNA-organizaĵojn „partopreni la Mondan kongreson de Universala Esperanto-Asocio, kiu okazos 1983 en Budapest kaj traktos pri „Komunikado: teknologio kaj socio" lige al la Monda Komunika Jaro de UN".

Tiu mencio estas tre grava kaj espereble havos rezultojn. Cetere, la preciza temo de la 68a Universala Kongreso de Esperanto estas „Sociaj kaj lingvaj aspektoj de la moderna komunikado".

## MEM-prezidanto ĉe SSOD

Okaze de la 60a jubileo de la fondo de Soveta Unio, la Unio de Sovetaj Asocioj por Amikeco kaj Internaciaj Kulturaj Rilatoj (SSOD) organizis internacian renkontiĝon kun delegitoj el 90 landoj. Ĝi okazis inter la 23a ĝis 25a de novembro 1982. La prezidanto de MEM, d-ro Imre Pethes, partoprenis la gravan aranĝon kaj faris paroladon pri la kontribuo de la esperantistoj en la batalo de la paco.

## Grava eldonaĵo porpaca

En Sovetunio aperis tre grava esperantlingva broŝuro pri aktualaj pacproblemoj „Defendi la pacon, preventi nuklean militon. Proponoj de Soveta Unio en la Dua Speciala Sesio de la Ĝenerala Asembleo de UN pri malarmado". Tiun pure presitan 75-paĝan broŝureton eldonis ADN laŭ mendo de Unio de Sovetaj Asocioj por Amikeco kaj Internaciaj Kulturaj Rilatoj. La broŝuro entenas salutmesaĝon de L. Breĵnev kaj la gravan paroladon de A. Gromyko antaŭ la ĝenerala asembleo pri malarmado kaj gazetar-konferencan materialon.

Tre bonvena materialo, kiu tre helpos al la esperantistaj pacagantoj. Havebla ĉe Novosti, USSR-107082, Moskva, Bolŝaja Poĉtovaja 7, Izdatelstvo APN.

Mendu la broŝuron kaj skribu en Esperanto al la indikita adreso, kie oni komprenas la internacian lingvon.

## Pionira grupo el ĈSSR

Ĉu vi volas travivi feriojn en ĉarma naturo en Ĉeĥoslovakio (Slovakio)? Se jes, skribu al la adreso: Esperanto-rondeto — ĉe Domo de pioniroj, str. Marxa-Engelsa 28, CS-010 01 Žilina, ĈSSR. Nia Esperanta rondeto havas dek anojn — komencantojn de dek ĝis dek du-jarajn, kaj deziras ekligi kontaktojn kun pioniraj lernejaj grupoj en aliaj landoj.

Paŭlo Molik

## Skitagoj en Bohemio

De la 23a ĝis 28a de januaro 1983 en la nacia parko Krkonošsky (ĈSSR) la ĉeĥa Esperanto-Junularo organizis skitagojn, kiujn partoprenis 14 ĉeĥoj, 7 hungaroj kaj 5 esperantistoj el GDR.

## 4a Konferenco pri internacia lingva komunikado

La Studenta Scienca Esperanto-Rondo ĉe la Lodza Universitato okazigis konferencon pri la supra temo dum 18a ĝis 21a de novembro 1982. La konferenco okazis sub la honora protekto de la Pola Komitato por aferoj de UNESKO, de la Pola Instituto pri Internaciaj Aferoj kaj de la Instituto de Socialismaj Landoj ĉe la Pola Akademio de Sciencoj. La konferencon partoprenis 39 personoj, 12 memstaraj sciencistoj (inter ili 6 eksterlandaj koresponde), 7 doktoroj, 11 magistroj kaj studentoj. Oni prezentis pri la temo 26 referaĵojn. La partoprenintoj ricevis la volumon „Problemy miedzynarodowej komunikacji jezykowej" (Problemoj de internacia lingva komunikado), redaktita de Tadeusz Ejsmont, Lodzo 1982 (284 p.), eldonita de la Lodza Universitato.
La 5a konferenco okazos en Lodzo de 17.—20. 11. 1983 sub la temo „Internacia lingva komunikado", i. a. kun akcento pri lingvaj kaj teknikaj bariloj de la komunikado, leĝo de komunikadiĝo, sociaj kostoj kaj optimumigo de la komunikado k. s. Organizas ĝin: Studenta Scienca Esperanto-Rondo ĉe Lodza Universitato, PL-90-125 Lodz, Narutowicza 41.

### Maks kaj Moric en Esperanto

La fama bildrakonto de Wilhelm Busch aperis en traduko de Wilfried Hofmann. 20 paĝoj kun ilustroj, 4 markoj. Havebla ĉe Helga Beau, 7010 Leipzig, Jacobstraße 9.

## Turismaj tagoj en Žilina

Ili okazos de la 11a ĝis 15a de julio 1983 kaj entenas duontagajn kaj tuttagajn piedekskursojn, unu tuttagan buseks-kurson, amuzvesperon kaj aliaĵojn.

La partoprenkotizo de 320 kronoj in-kluzivas loĝadon (4 noktoj), ekskursojn, enirbiletojn kaj organizajn ekskursojn (do ne manĝaĵojn).

Informojn donas Ladislav Hanzel, Tr. Obrancov mieru 25, ČS-01001 Žilina, ČSSR.

## Debato pri Esperanto kaj paco en Rumanio

La Universitato de Timisoara, La So-cieto pri filologiaj sciencoj de Rumanio (filio Timisoara — sekcio Esperanto — interlingvistiko), la Ĝenerala Inspekto-raro de lernejoj en distrikto Timis kaj la urba domo de instruistoj (Timisoara) organizis, la 30-an de oktobro 1982, sciencan debaton titolitan **La komuni-kebleco en la servo de la scienco kaj paco.** Oni dediĉis la aranĝon al Inter-nacia Jaro de Komunikado (1983) kaj al Nacia Konferenco de Rumana Komu-nista Partio (decembro 1982). Partopre-nis universitataj profesoroj, instruistoj en liceoj, studentoj, reprezentantoj de periodaĵoj kaj radio.

Univ. prof. dro Ignat Florian Bociort (Universitato de Timisoara) formulis la tezojn de la debato kaj poste gridis komunikebleco, la rolon de la informo. Dum la altnivela scienca kunveno oni prezentis filozofiajn aspektojn de la komunikebleco, la rolon de la informo

en la scienco kaj tekniko, en klerigado, en literaturo kaj arto, la lingvajn ob-staklojn en tradukoj, en internaciaj sciencaj kunvenoj, en aliaj internaciaj kontaktoj, la neceson raciigi kaj faciligi la lingvan komunikadon pere de inter-nacia lingvo; oni substrekis la gravecon de demokratia, racia komunikebleco por la monda paco. Parolis pli ol 20 fakuloj kaj kelkaj gestudentoj.

La granda sukceso de la kvarhora de-bato estis menciita en la rumanaj perio-daĵoj. Miora Dobre

## Radio Pécs denove en Esperanto

**Radio Pécs** (Pec), regiona stacio de Hungara Radio ankaŭ ĉi-jare disaŭdigas esperantlingvajn programojn en la mo-natoj **junio, julio** kaj **aŭgusto.** La el-sendoj okazos ĉiun **vendredon** inter **18.25 kaj 18.30** laŭ la somera hungara tempo. (GMT: 16.25—16.30). La programoj en-havos turistajn kaj movadajn infor-mojn. La esperantlingvaj disaŭdigoj estos kapteblaj en la suda parto de Hungario kaj en kelkaj nordaj regionoj de Jugoslavio. Ondolongoj: **343 m (873 kc)** laŭ la meza ondo kaj **67,19 Mc** laŭ la ultrakurtondo.

La unua elsendo okazos la 3-an de junio, la lasta la 26-an de aŭgusto. Se vi sukcesis kapti esperantlingvan elsen-don de Radio Pécs, bv informi pri via nomo kaj adreso, dato, loko (urbo/ vi-laĝo) de aŭskultado, opinio pri aŭdeble-co. Bonvolu ankaŭ mencii almenaŭ unu temon de la elsendo kaj laste ni petas pri via opinio pri la enhavo. Reagojn bv. sendi al: Radio Pécs, Esperanto, Pécs, Pf. 200, Hungario, H-7601. Pál Felsö, redaktoro.

## Anoncetoj

— Serĉas aĉeti la lernolibron de Schödl. Skribu kun prezo aŭ sendu per rem-burso al Rudi Wetzel, DDR-1055-Berlin, L. Herrmann-Straße 36

— E-aj filatelaj tutaĵoj pri Descartes, Bacon, Richet, Kalocsay, Leibniz kaj Forel (po 0,50 M) ankoraŭ akireblaj ĉe d-ro Giso Brosche, DDR-7981-Rückersdorf



## Foira Internacia Esperantista Ren-konto, 30. 9. — 2. 10. 1983 in Plovdiv

Organizanto: DE de BEA, Plovdiv

Programo: Koncerto, prelego pri la 60a datreveno de la unua en la mondo kon-traŭfaŝisma ribelo 1923, Bulgario, spert-interŝanĝo pri la vivo de E-societoj, ren-kontoj de esperantistoj-medicinistoj kaj esperantistoj-vegetaranoj, ekskurso, ur-borigardado, amuzvespero en restoracio, vizito al la Internacia Foiro.

Partoprenkotizo: 34 lv. Ĝi inkluzivas 2 tranoktojn en hotelo (2-litaj ĉambroj), 3 manĝojn je la 1a de oktobro, duontagan ekskurson. Eksterlandanoj pagos sur-loke.

Limdato por aliĝo: 1. 9. 1983

Detalojn petu de la organizanto: DE de BEA, Pk. 184, 4000 Plovdiv (Bulgario)

# RECENZOJ

**Miscellanea interlinguistica. Interlingvisztikai szöveggyutjemény. Interlingvistika Antologio. Antologice interlingvistika. Red.: Szerdahelyi István, Tankönyvkiado, Budapest 1980**

Finfine aperis la longe atendita volumo kun la prelegoj prezentitaj dum la unua Internacia Interlingvistika Kongreso, okazinta inter la 24a kaj 28a de julio 1978 en la Budapeŝta Universitato Eötvös Loránd.

La 513-paĝa volumo, redaktita de István Szerdahelyi, entenas krom la prelegoj ankaŭ aliajn materialojn de nepartoprenintoj. La materialo estas disdividita en 4 sekcioj. En la Enkonduko (p. 7—100) ni trovas la franclingvan malferman paroladon de la dekano de la Filologia Fakultato prof. István Szathmári, iom salutvortan skizon de la katedestro por ĝenerala kaj aplikita lingvistiko pri la rilatoj inter lingvistiko, interlingvistiko kaj esperantologio kaj tre ampleksan studon de István Szerdahelyi pri la „hungara modelo en interlingvistiko" (p. 14—101), kiu detale montras la vere konsiderindan kontribuon de hungaroj al la planlingva problemaro. Tiu studo estas tamen nekompleta, ĉar la kvara periodo, signanta la sciencan esploron en la kadro de la universitato, meritus detalan trakton. Sed ĉar ĝuste tie kuŝas la meritoj de Szerdahelyi, li mem evidente ne volis priskribi sian agadon. La dua sekcio sub la titolo Aplikata Lingvistiko (p. 101—278) entenas kontribuojn de Jonathan Pool (Bazaj ecoj de la lingvopolitiko), Arpád Rátkai (Fruaj socialismaj konceptoj pri la lingva futuro de la homaro), Gyula Ferenczy (La traduko kiel lingvistika problemo) kaj Magda Šaturova (Vortelekto en dulingvaj tradukvortoj). Krome, ne tro interlingvistikaj, estas la kontribuoj de M. Nandio, P. Mildonian, A. Csillaghy kaj M. Marzaduri, italaj lingvistoj kiuj traktis lingvajn problemojn de Afganistano kaj de Irano, priskribis trajtojn de la armena, de la fantazia lingvo „Zaum" kaj pri turka-altaja minoritato. Carlo Minnaja montris la utiligon de matematiko kaj tekniko por lingvistiko.

La kontribuo de Rátkai tre bone montras la ligitecon inter sociutopiaj konceptoj kaj la koncepto pri universala (aŭ internacia) lingvo. Pool skizas metodologiajn alireblojn al la studo de lingvopolitikaj fenomenoj kaj konkludas „ke ni transiras dum la nuna jardeko la sojlon al nova epoko, en la lingvopolitiko-epoko, kiam sistemeca interveno en lingvajn procezojn estos ne nur ideo sed ankaŭ fareblaĵo" (p. 106—107). Grava estas ankaŭ la konstato de G. Ferency pri la strikta interligiteco inter tradukscienco kaj interlingvistiko kaj la valoro de tradukado el kaj en planlingvoj(n). Sub la sekcio Interlingvistiko Jaromir Jermař (Etnaj problemoj kaj interlingvistiko) donas riĉajn impulsojn por diskuti pri la kulturkrea forto de Esperanto. Per etnologiaj principoj, aplikitaj al interlingvistikaj temoj li detruis la mitojn „pri planlingvo kiel barbara, senkultura kaj sensocia lingvo, kiel detruanto de la nacia kulturo, ... kiel kreanto de la nova internacia kulturo" (p. 191). Peter Zlatnar (Nacia ŝtato kiel fenomeno de hodiaŭa tergloba socio kaj internacia lingvo) serĉas respondon al la demando „kiuj estas tiuj sociaj kondiĉoj aŭ bezonoj, kiuj elvokos bezonon akcepti Esperanton en la sistemon de komunikado" (p. 193) kaj Arpád Rátkai skizas la „sistemon de transnacia lingvo-uzo" enkondukante la novan terminon „transnacia lingvo" por „tiu nacia lingvo, kiu apud sia primara, ĉefa (etna, nacia) funkcio havas ankaŭ sekundaran, akcesoran funkcion en la internacia komunikado en certa altirkampo, en certa sfero de la socia agado" (p. 199).

Hartmut Traunmüller (Socia bazo kaj komunika efikeco de interlingvoj), Olav Reiersol (Kriterioj por lingvotaksado en interlingvistiko) kaj Marcello Lamberti (Caratteristiche essenziali per una lingua di sucesso) traktas la postulojn kaj kriteriojn, al kiuj efika planlingvo devas sufiĉi. W. A. Verloren van Themaat detale traktas pri „La internacia vortaro kaj ĝia signifo por la dezirinda formo de planlingvo" kaj liveras multajn utilajn komparojn pri la leksikoj de Interlingua kaj Esperanto. Vera Barandovska informas pri la interlingvistikaj konceptoj de Komenio (Komensky) kaj Otto Back donas vere erudician studon pri „planlingva etimologio". Preskaŭ la duonon de la verko ampleksas la kvara sekcio, Esperantologio (p. 279—513). La multrevue konata kaj ĉiam profite legata Bernard Golden klopodas malkovri la influon de aliaj planlingvoj je Zamenhof ĉe la konstruado de Esperanto (Bibliografiaj donitaĵoj pri eblaj planlingvaj fontoj de Esperanto) kaj konkludas, „ke Zamenhof ne ellaboris sian lingvon tute sendepende de aliaj projektoj" (p. 297).

Tre detala (p. 300—367) kaj modela estas la studo pri la jidlingvaj kaj hebreaj fontoj de Esperanto de David L. Gold (Toward a study of possible Yiddish and Hebreic Influence on Esperanto). Solidan studon pri la „diakronaj evolutendencoj de morfemaro" de Esperanto prezentas Mauro La Torre/Renato Corsetti kaj Nino Vesella (Pliriĉigo de la morfemaro en la internacia planlingvo). Ili konkludas, ke en la Esperanta vorttrezoro estas observebla forta okcidentiĝo kaj preskaŭa foresto de kontribuoj el neeŭropaj lingvoj. La recenzanto prezentas kelkajn specimenojn el sia

disertacio (Blanke, Detlev: Konfronta Lingvistika Komparo de etnolingvo kaj planlingvo: kelkaj problemoj de la vortfarado de la germana kaj de Esperanto). Fabrizio A. Pennacchietti traktas pri „determino per kaj sen artikolo en Esperanto" kaj Balázs Wacha pri „la ag-aspekto en Esperanto". Pri la „lingvo-orientiĝa instruado" laŭ Paderborna modelo (propedeŭtika instruado de Esperanto) informas Hermann Behrmann.

Ankaŭ Joanna Berezowska kaj Alicja V. Lewanderska traktas metodikan temon (Eluzo de aktivecaj metodoj en lernado de Esperanto je bazo de lernolibro ĉirkaŭ-dotita kaj didaktikaj ludoj). Felix Garcia Blázquez diskutas kelkajn aspektojn de la teorio pri vortfarado en Esperanto kaj de ties instruado (La instruado de la vortfarado en Esperanto) kaj Albert Lienhardt detruas facilanime la bazajn konceptojn de la vortfarado kaj volas malkompleksigi la kompleksajn fortojn (Pri la kompleksaj vortoj en Esperanto). Antoni Golonka nur duonpaĝe informas pri sia „Vortgenerilo Esperanta" (ni volonte legus ampleksan prezenton) kaj Jerzy Leyk skizas kelkajn „Problemojn de la evoluo de Esperanto". Vere diligentan superrigardon pri Esperanto kiel lingva kaj socia fenomeno prezentas la japano Mika Waseda en sia tezo por bakalaŭreco, kiu distingiĝas per bona apliko de modernaj lingvistikaj metodoj (Esperanto: a living language).

Ne estas eble, ĉi-tie pli profunde diskuti la unuopajn kontribuojn. La recenzo nur havas la celon informi pri la elstara antologio, kies kontribuoj kompreneble estas malsamaj ne nur laŭ la enhavo sed ankaŭ laŭ la nivelo. Apud detalaj studoj kun ekzaktaj bibliografiaj referencoj ni ankaŭ trovas suprajojn diskutkontribuojn. Sendube la volumo, kiu aperis en mil ekzempleroj, apartenos al la grandaj interlingvistikaj antologioj. Kiam en Budapeŝto okazis la konferenco, oni planis aranĝi la duan en la jaro 1980. Tio bedaŭrinde ne okazis. Ĉu la unua internacia interlingvistika konferenco restos la unua kaj lasta? Estus domaĝe. Se CED vere ekzistus kaj funkcius, ĝi povus iniciati kaj patroni la daŭrigon de la serio. Ĉiu-kaze, la hungaroj (kunlabore kun la universitato de Venecio) prenis la iniciaton, kiel pri tiom multaj aferoj. „Miscellanea interlingvistica" helpu al ties daŭrigo. La libron oni povas mendi ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9. (32 forintoj)

Detlev Blanke

**Glosaro pri (kon)fuzaj aroj rilate al statistiko**

Komence de 1980 en Madrid glosaro pri nova kampo de statistiko estis eldonita de Nacia Instituto por Statistiko. En antaŭparolo la aŭtoro Francisco Azorin indikas, ke li daŭrigas la terminologiajn laborojn de aliaj statistikistoj. En la jaro 1959 statistika vortaro en 9 lingvoj (angla, Esperanto, franca, germana, hispana, hungara, itala, portugala, rusa) estis publikigita, krome apendico en 4 nordaj lingvoj (dana, finna, norvega, sveda). Ĉi tiu nova publikaĵo entenas fakvortojn el limregiono inter statistiko kaj probablecteorio en kvar lingvoj. Apud la hispana enestas la angla, franca kaj Esperanto.
Krom konfrontado de terminoj en la hispana kaj unu de la aliaj lingvoj ĉiuj nocioj (entute 32) estas difinitaj en la traktitaj lingvoj. (ekz. specimeno — Stichprobe, konfida intervalo — Konfidenzintervall, ordinara kaj konfuza aro — gewöhnliche und konfuse Menge). Tio disponigas mallongan enkondukon en tiun novan teorion de la konfuzaj aroj. La kerno de tiu teorio konsistas en ĝeneraligo de la rilato inter elemento kaj aro. Dum ke en ordinara aro elemento aŭ apartenas al aro aŭ ne, ĉi tie grado de aparteneco de elemento al aro estas difinita esprimebla per apartenecfunkcio.
Lingve ĝene efikas la maldecidemo en la difino de la centra nocio (kon)fuza (ĉu fuza aŭ konfuza?), ĉe kio konfuza pli korespondas al la enhavo de tiu nocio. La formo testio por statistika testo ŝajnas ne nepre necesa.
Ankaŭ ni deziras al la verko stimuligan efikon sur la sfero de terminologia laboro en la statistiko.

d-ro M. Schüler



**„Funktion und Kultur des Esperanto"**

de d-ro Werner Bormann, kajero, eldonita de Germana Esperanto-Asocio en Federacia Respubliko Germanio, en la vico de publicaĵoj de Germana Esperanto-Instituto. Augsburg (FRG), 1982, 32 p.
D-ro Werner Bormann estas direktoro de la instituto. Tiu-ĉi instituto, fondita en 1948, klopodas daŭrigi la tradicion de la iama Saksa Esperanto-Instituto, fondita en 1908.
Publicaĵoj, sciencaj kaj fakaj informoj pri la lingva problemo kaj la internacia lingvo apartenas al la Augsburga instituto.
En ĉi tiu kajero d-ro Bormann analizas la internacian lingvan problemon kaj konsideras speciale la kulturan rolon de Esperanto.
Detale li listigas pretendojn pri la lingvo por solvi la internacian lingvan problemon. La taŭgecon de Esperanto kiel solvilo li ĉefe pruvas filologie. Solvo pere de Esperanto evitas same lingvan privilegion kiel ankaŭ diskriminacion. D-ro Bormann konstatas, ke la internacia lingvo dum ĝia maturiĝo jam estiĝis portanto de kulturo, bazante sin sur la komunumo de homo, parolante la lingvon en la tuta mondo. La kajero prezentas la esencon kaj strukturon de Esperanto.

Rudolf Hahlbohm

**(Ni nur publikigos tajpitajn korespondanoncojn!)**

Instruisto por klarneto dez. koresp. kun aliaj muzikistoj. Christian Voigt, Musikschule Virchowstraße 60, **DDR-7700-Hoyerswerda.**

Dez. koresp. k. ĉ. l. pri ĝen. tem., Uwe Heidrich, **DDR-1801-Damsdorf,** Göhlsdorfer Straße 6

Instruisto por lingvoj, 26 j. dez. k. tutmonde pri ĉ. t. Doris Lipowski, **DDR-1910-Kyritz,** Poststraße 9a

Dek gelernantoj dez. koresp. kun eksterl. geamikoj. Skribu al Esperanto-Gruppe im Kulturbund „Hufelandhaus", **DDR-5820-Bad Langensalza.**

Kvin gelernantoj dez. k. kun gelernantoj el Sovetunio, Hungario, Bulgario. Esperanto-Gruppe im Kulturbund, **DDR-5800-Gotha,** Hermann-Haak-Haus, Karl-Marx-Straße 14

Dez. k. kun esp. el Kubo, Vjetnamio, Japanio kaj Venezuelo. Skribu al Esperanto-Gruppe im Jugendheim, **DDR-5812-Waltershausen,** Gothaerstraße 1

Pensiulino, 62 j. instruistino, dez. k. pri turism., kult., manlaboro, Eva Marie Schönfeld, **DDR-2760-Schwerin,** Otto-Moritz-Straße 63

Komencantino, 23 j. dez. k. kun soc. landoj, kol. bk kaj reproduktaĵojn de pentraĵoj. Monika Zeugner, **DDR-2851-Dargelutz,** Neue Dorfstraße 14

Dez. k. pri ornitologio, kol. plumojn (16 jara) Bernd Grube, **DDR-2851-Garwitz,** Pf. 144

Komencanto, 19 j. dez. koresp. pri muziko, lit., vojaĝoj, Hermann Schulz, **DDR-2831-Vellahn,** Ernst-Thälmann-Straße 23

## Pollando

Komencantino 36j. dez. kor. p. ĉ. t.: Maria Krawulska, str. Zeromskiego 13, **63-400 Ostrow WLKP**

Grzegorz Jarmuzewski, ul Jagielly 5, **14-200 Ilawa,** (21j.) dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

Magistro-inĝeniero 41j. dez. kor. pri turismo, muziko, danco, lingvoj: Jerzy Nowakowski, **15-950 Bialystok,** Skrytka pocztowa 310

Joachim Boruta, **44-100 Gliwice,** Brzozowa 39/8, dez. kor. pri turismo, filatelio, moderna muziko

Hanna Libera, ul. Tanskiego 5 m 13, **02-150 Warszawa** (34j.) dez. kor., kol. pm, bk

Dez. kor. pri priskriba geometrio, arkitekturo, matematiko, medicino, kuracherboj, fotografio, kuirarto, jogo: Tadeusz Smykalski, str. Slowackiego 9 m 125, **42-200 Czestochowa**

Inĝeniero 53j. dez. kor. pri historio, filatelio, turismo, kol. bk, pm: Waldemar Sado, Batovego 37—19, **00-612 Warszawa**

Ekonomistino 42j. dez. kor. tutmonde, kol. pm Alicja Jóżwiak, **54-220 Wroclaw,** str. Bobna 16 m 16

Studentino 16j. dez. kor. pri muziko, historio: Walentyna Dlugaszowska, 18 Kepinska str., **98-401 Wieruszów**

Komencanto dez. kor. kun geesp. el GDR: Ryszard Niewadomski, **50-333 Wroclaw,** ul. Jana Matejhi 24 m 6

Franko Grzesczak, ul. Kilinskiego 3/8, **63-600 Kepno,** woj. Kalicz, dez. kor. kun esp. el GDR

Studento, 22j. dez. kor. tutmonde pri muziko, sporto, kino, teatro, kol. bk, pm, gramofondiskojn: Jaroslav Górniak, Pl. Lenina 6/80, **45-056 Opole**

Junulo 19j. dez. kor. pri literaturo, naturo, elektroniko, scienco: Andreo Piotrowski, Lipna 140, **64-111 Lipno**

Lernantino 16j., dez. kor. pri literaturo, kino, moderna muziko, kol. bk, turismajn prospektojn, gramofondiskojn: Malgorzata Jurkiewicz, **Wroclaw,** str. Kniszwicka 8/63

Fakestro 31j. dez. kor. kun germ. esp., kol. bk, pm, librojn, turismajn prospektojn: Czeslaw Pietrusiak, ul. M. C. Sklodowskiej 105/I/8, **42-653 Piekary** 51—7

Maryla Marszalek, **42-714 Lisów,** ul Przemyslowa 3, (21j.) dez. kor.

Studentino 26j. dez. kor. kun germ. gejunuloj pri vojaĝo, opero, baleto, lingvo: Krystyna Groszek, **60-625 Poznan,** ul. Wojska Polskiego 79

Kazimierz Dabrowski, ul. Koreańska 1/226, **52-121 Wroclaw** (23j.) dez. kor. tutmonde pri literaturo, lingvoj, turismo

Lernanto 19j. dez. kor., kol. bk, e-insignojn, librojn: Jan Wasiluk, Kuraszewo 138, **17-207 Czyze**

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Esperanto-Verband
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 396